Marto 1906. II jaro № 3.

# Ruslanda Esperantisto.

Oficiala organo de Societo „Espero“.



Senpaga eldono por membroj de Peterburga S-to „Espero“



Manuskriptoj, korespondado k. t. p. devas esti adresataj je nomo de „Societo Espero“ en S.-Peterburgo.



Eldonanto: S-TO „ESPERO“ en Peterburgo. Redaktoro: D-ro A. I. ASHES.



Unua esperanta presejo en Ruslando de D. P. WEJSBRUT.
Peterburgo. Troickij Prospekt. 14.

Ĉis la fondo de centra organo homarana, la aprobantoj de la ideo de homaranismo estas petataj sendi sian adreson al la redakcio de la gazeto de „Ruslanda Esperantisto“ (St.-Peterburgo, B. Podjaĉeskaja, d. № 24, loĝ. 12). Tie oni ankaŭ povas ricevi broŝurojn pri homaranismo (en lingvo rusa aŭ en Esperanto), kiuj kostas: 1 ekz.—10 kop. 25 ekz. 2 rubl.

# Korespondа fako.

La celo de korespondа fako estas la unuiĝo de tutmonda esperantistaro per reciproka korespondado. Tial ni koreĝe petas ĉiujn, kiel rusiandajn, tiel eksterlandajn esperantistojn, dezirantajn korespondadi pri kio ajn objekto kaj pri kia ajn celo sendadi al ni siajn adresojn, legebie skribitajn.

Por enpreso d'adreso en la korespondan fakon oni sendu al ni la poŝtmarkon de 20 kop. valoro La alilandaj poŝtmarkoj estas ankaŭ akceptataj por ilia nominala valoro.

La Redakcio.

## Novaj adresoj:

RUSLANDO: St.-Peterburgo, Voznesenskij pr. 37 loĝ 24, S-ro A. D. Eggert-Egede interŝanĝas ilustr. poŝtkartojn.

St.-Peterburgo, Nevskij pr. 97, Kontoro de Ĵukovskij, f no Ludmila Berzina, interŝanĝas ilustr. poŝtkartojn.

Tiflis (Kaŭkazo), Ganovskaja ul. 23, d-ro Andrej Fiŝer, la sama deziro.

Verĥovcevo, stacio de Ekaterinoslavskaja fervojo,—M. J. Krjivickij, korespondas pri feliĉo de vivo kaj pri sistemoj de fervojaj signaliloj kaj iloj, akcelantaj la sendanĝerecon de surrela movado.

AŬSTRUJO: Smichov (Praha), Jakubska ulice, 8. nova, Vaclav Novák.

BOLIVUJO (Suda Ameriko): La Paz, Fako 17. S-ro Daniel Canedo.

BULGARUJO: Varna, ulica Miladinova, 170. S-ro Ŝterju Atanasov.

FRANCUJO: Ceret, S.-O. F-no Anna Mignel, lernejestrino, deziras koresp. kun rusa instruistino pri la sociaj kaj instruaj temoj.

## ŜANĜITAJ ADRESOJ:

E. V. Radvan-Ripinski. Peterburgo, Fontanka, 137 loĝ. 24.
V. de Maynov. St.-Peterburgo, Mogilevskaja 13. loĝ. 13.

---

# Ruslanda Esperantisto.

Oficiala organo de Societo „Espero".

Marto 1906. | Redakcio: St.-Peterburgo, Bolŝ. Podjaĉeskaja, 24. | II-a jaro. № 3.

## Al Samideanoj:

**La publikigita de ni ideo de homaranismo (hilelismo) vekis grandan intereson en la mondo esperantista, kaj multaj esperantistoj sendas al ni sian aliĝon al la homaranismo. La adreson de ĉiu nova aliĝinto ni transsendas al la Sekretario de la unua rondeto homarana.**

*La Red.*

## Kelkaj rimarkoj pri hilelismo.

La hilelismo, al kiu „Rusl. Esper." oferis tiom da loko en sia januara numero, meritas ĝin, sed ne en tia grado, kiel eble pri ĝi pensas ĝiaj iniciatoroj.

En la hilelismo oni devas diferenci du flankojn: pozitivan kaj negativan.

Pozitiva valoro de hilelismo konsistas en tio, ke ĝi igas ĉiun homon pensanton difini pli precize siajn rilatojn: al si mem, al Dio, kaj al siaj proksimuloj.

Ni estas homoj, parolas ian patran lingvon, apartenas al ia nacio, loĝas en ia lando aŭ regno, profesas ian riligion, havas rilatojn kun iaj aliaj homoj. Sed ofte, tre ofte, pri ĉiuj tiuj ĉi rilatoj ni tute ne pensas; ni ja vivas instinkte, agadas instinkte, metas antaŭ si celojn instinkte kaj iras al ili instinkte. La saĝo, kiun ni havas, ofte en ni restas kvazaŭ kaŝita; ĝian voĉon ni ne aŭdas kaj iam eĉ aŭskulti ne volas. Kaj vivante tiele, sen klaraj principoj kaj fortikaj konvinkoj, ni tute ne hontas, kontraŭe eĉ opinii kuraĝas, ke ni, kvankam vivadas „sen filozofio" tamen vivadas racie, laŭ „sana saĝo". La hilelismo volas montri, ke tio ĉi estas eraro, ke iom da filozofio en la vivo estas absoluta necesaĵo. Kaj en tio ĉi la hilelismo estas prava. Ni diros plu: ĝi povas esti ankoraŭ utila al homoj havintaj antaŭe nenia.jn principojn religiajn aŭ filozofiajn. En tio ĉi konsistas la pozitiva flanko de hilelismo.

Sed ĝi ne estas sola. En hilelismo ekzistas ankoraŭ alia flanko-negativa. Per ĝi la hilelismo volante esti sistemo supernacia kaj superreligia, fariĝas bedaŭrinde kontraŭnacia kaj kontraŭreligia. Tio ĉi sufiĉe vidiĝas el „dogmoj" de hilelismo, precipe el la oka kaj deka. Kaj efektive, malgraŭ belaj vortoj kaj bonaj intencoj de iniciatoroj, ia diritaj „dogmoj", devos ĉiun konsenkvencan hileliston pere aŭ senpere igadi al la malŝato de sia patra lingvo, de sia nacio, de sia lando kaj de sia religio, ĉar la hilelismo havas ja nur unu celon—el ĉiuj homoj kaj nacioj fari unu grandan „neutralehoman" formikejon, en kiu ekzistus nenia diferenco — nacia, politika, religia, filozofia k. t. p.

Por atingi tiun celon la iniciatoroj de hilelismo nemalkuraĝis ĉion alian en religioj, krom la kredo je Dio, prezenti kiel „legendaron", enportantan en la vivon nur la „malluman"; nemalkuraĝis ankaŭ proponi eĉ tute nekompreneblajn barbarajn terminojn de „Peterburgregno", de „Varsovilando" k. s.

Laŭ nia opinio la fina celo de hilelismo, nome la unueco kaj unuiĝo de ĉiuj nacioj estas idealo bela, sed tre malnova. La unua

homo, kiu ĝin klare esprimis estis efektive „palestina saĝulo“, tamen ne Hillel'o, sed Jesuo Kristo. Kiu deziras pri tio konvinkiĝi, volu legi la Joanan Evangelion, kie en XVII, 21 li trovos ne sole la principon de universala unueco: ut omnes unum sint—„por ke ĉiuj estu unu“, sed ankaŭ la profetajon pri la efektiviĝo de tiu ĉi principo: „kaj estos unu ŝafaro kaj unu poŝtanto“ (X, 16). El tiu ĉi kaŭzo la kristanaro ĉiam profesis tiun-ĉi idealon, kvankam ne povis ĝin efektivigi ĝis nun.

Ne povis do ne el manko de scio pri tiu idealo sed el manko de bona volo, tiel same, kiel el manko de moralaj fortoj la tuta homaro ne povis ĝis nun forigi la militojn naciajn, la reciprokajn persekutadojn k. t. p.

La iniciatoroj de hilelismo opinias, ke la kaŭzoj precipaj de nuntempa societa malbono en la tuta mondo estas la diverseco de lingvoj kaj religioj. Granda eraro. La multlingveco kaj diversreligieco estas ne kaŭzoj, sed nur pretekstoj de militoj kaj persekutadoj. La homoj kaj nacioj persekutas kaj militas ne pro tio, ke ili estus troaj patriotaj aŭ troaj religiuloj, sed kontraŭe, ke ili estas nesufiĉe patriotaj kaj malmulte religiaj, aŭ pli simple, pro tio, ke ili estas tro malbonaj. Ili scias bonon, sed ĝin ne faras, ili scias malbonon kaj ĝin faras. Por fari do homojn pli bonaj, por inspiri al ili pli da bona volo kaj pli da morala forto la hilelismo, laŭ mia opinio, ne taŭgas.

Cetere, pri la abomenindeco de persekutoj kaj militoj kaj pri la neceso de unueco multe kaj bele predikadis kaj predikadas la anoj de humanismo, de kosmopolitismo, de fra-masonismo k. a.

Tiel ni tute ne komprenas, kia estis bezono malkvietigi la bonan babilonan rabenon Hillel'on por bapti per lia nomo la novan sistemon, des pli, ke la dirita „palestina saĝulo“, kiel iniciatoro de Talmudo, kaj fervora defendisto de „buŝa“ leĝo [1]), apenaŭ konsentus la „dogmojn“ de hilelismo rekoni kiel siajn.

*P-ro A. Dombrovski.*

---

[1]) Legu: Варшавскій А.С.—Гиллель Вавилонскій, его жизнь и дѣятельность. Одесса 1897, стр. 5, 20—21.

---

# El la tragedio „Mazepo“

**de J. Słowacki.**

Tradukis *A. Grabowski.*

## AKTO I-a.

### Sceno I-a.

Salono lumigita kiel por balo. La Vojevodo, Zbignjev, poste la Kastelanino.

**Vojevodo.**

Ĉe pistujoj maĉaĵojn teni bruligitajn!
Vi filo, moŝto Zbignjev, rigardu angulojn.
Ĉu ĉio estas deca por reĝaj festenoj.
(Al la eniranta Kastelanino):
Moŝto Kastelanino! mi havas grand-kaŭzojn
Ĝoji, ke vin mi vidas en san' kaj freŝeco.

**Kastelanino.**

Kastel' de via moŝto belan havas vidon!
Kiom lampoj! orajoj!—Kaj via edzino?

**Vojevodo.**

Ĝis nun ne estas preta kaj ne ornamita—
Mia fil' anstataŭos ŝin ĉe via moŝto.
Mi iros ekrigardi el turo sur stratojn,
Ĉu jam sur voj' tilia ne ruliĝas reĝo.
Zbignjev, vi atentiĝu al Kastelanino,
Amuzu Ekscelencon.

**Kastelanino.**

Vi venas el Padva?

**Zbignjev.**

Ne, Estrino, jam el la armeo.

**Kastelanino.**

Envere?
Vi en armeo?

**Zbignjev.**

Rota majstro jam Kirasa.

**Kastelanino.**

Gardu vin, ĉar fariĝos vi tuj malfidela,
Kiel ĉiuj rotmajstroj, delogist' petola.

**Zbignjev.**

Dio gardu!

**Kastelanino.**

Okuloj viaj brilas akre,
Sed ial afekciaj estas kaj nebulaj—
Kio estas?—Kirason vian mi ekbatos
Per ventumil', kaj ĉion elkantos koreto.
Pri Italuj' do al mi parolu!

(Oni aŭdas bruegon post la scenejo).

**Vojevodo.**

Ĥoleva!
Sinjor' Ĥoleva! Kia kri'? Sinjor Ĥoleva!
Moŝto Ĥŝonstka! ĉu ĉiujn forprenis diabloj?
Jen fratec'! glavoj sonas, ni iru pacigi!

(Li eliras).

## Sceno II-a.

Zbignjev, Kastelanino, sinjoro Ĥŝonstka, eniranta tra alia pordo.

**Ĥŝonstka.**

Kie la Vojevodo!

**Kastelanino.**

Volu nin informi,
Kia krio?

**Ĥŝonstka.**

Okazo jen, Estrina Moŝto,
Tre malgaja.

**Kastelanino.**

Do diru!

**Ĥŝonstka.**

Kaleŝ' post kaleŝo
Enveturis sur korton, Moŝto sinjorina,
El kaleŝoj eliris nobeloj, sinjoroj,
Unujn gvidis sinjoro landmarŝalo Ŝĉara,
Lubomirsk'an fervora, ribelul' kuraĝa,
Aliajn Olgopolski kondukis marŝalo,
Partiano reĝina, virinan' nomata.
Antaŭ pordeg' kastela renkontiĝis ambaŭ
Tiuj marŝaloj, ĉiu kiel la patrono
Kaj „a m i c u s" de sia „c a u d a" geamika.

**Kastelanino.**

Mi petas, latinajon vian lasu flanke.

**Ĥŝonstka.**

Estis inter la ambaŭ marŝaloj demando:
Kiu faros l'unuan' paŝon en vestiblon?
Tamen ambaŭ ĝentilaj, por ne ekofendi,
Unu kaj la alia, forpreninte ĉapojn,
Komencis kliniĝadi, saluti, fleksiĝi;
Vane senharajn kapojn frostigis la luno,
Unu kriis: „ne inda!"—l'alia: „ne inda!"
Kaj je eterne daŭrus tiuj-ĉi respektoj,
Se iu, rigardanta tiun ĝentilecon
Laŭŝajnan, jezuitan, ne ekkrius laŭte:
„Iru do sinjor' Ŝĉara, kaj kovru la kapon!"
Olgopolski, aŭdinte, falas kiel tondro
En pordegon. Vidinte tion, ankaŭ paŝon
„Accelerans" sinjoro Ŝĉara faras same.
Kio plu?—Kian ili kune koridoron
Eniris, tuj ŝtopiĝis per ventroj kaj nazoj;
Nobelar' ilin vane per puŝoj kaj vokoj
Instigas kaj invitas en sekvantajn ĉambrojn—
Ne eble, tial oni volis en duonon
„S i c a r e i n i m i c o s", eksonoris glavoj.
Kiel do en malvasta haven' du ŝipegoj
Kiuj „f o r t u n a m" portas, antaŭ fulmotondro...

**Vojevodo** (post la scenejo).

Disrompi muron, moŝtoj iru tra elrompo!
Sinjor' Ĥmara! disrompi muron!

**Kastelanino.**

Kia farso!

---

# „AL FELIĈO"!...

De **Iv. Najivin.**

(El lingvo rusa).

„Al feliĉo"!... staris per grandaj, nigraj literoj sur ruĝa afiŝo, kiu estis vidata sur kolono por anoncoj. „Al feliĉo!... Al feliĉo"!... kriadis muroj de domoj, ĉirkaŭbaroj, akre multkoloriĝante per ruĝaj kvadratoj folioj de papero. „Al feliĉo!... Al feliĉo"!... per sonoraj voĉoj elkriadis knaboj—ĉifonuloj, disjetante sur stratoj kaj disdonante al pasantoj ruĝajn anoncojn pri konferenco, kiun devis doni en vespero de tiu-ĉi tago en unu el fermitaj preĝejoj de urbo konata pensisto — protestanto, unu el apostoloj de nova, pli bona vivo... Kaj homoj aŭskultadis kriojn — alvokojn de buboj kaj, haltinte, longe staradis antaŭ ruĝaj afiŝoj, kvazaŭ hipnozigitaj per iliaj parolantaj literoj, kaj en animoj de ili flagadis iaj neklaraj, sed tiom pli belaj revoj, ekfloradis ree verkintaj jam en senpluveco de vivo esperoj... Kvazaŭ ia sorĉa m i r a ĵ o *) ekludis subite super malgaja, senfrukta dezerto de ilia senanimigita

*) Ŝajna vidaĵo, fantomo, aperanta ofte antaŭ okuloj de vojaĝantoj en dezertoj.

T r a d u k i n t o.

vivo, kaj ili estis allogataj malproksimen — al feliĉo...

Kaj jen, kiam malnova sonorilo de malnova preĝejo kun malrapidema graveco kaj ia reva malgajeco trabatis ok horojn, de ĉiuj finoj de urbo, sur mallumaj, kurbaj kaj mallarĝaj stratetoj, sub malvarma aŭtuna pluvo ektiriĝis homoj—ĉiuj en saman lokon, tien, kie al ili oni parolos pri feliĉo... Iris maljunaj kaj junaj, virinoj kaj viroj, junuloj, junulinoj kaj eĉ infanoj, iris malriĉaj kaj riĉaj, bonaj kaj malbonaj, sed pleje iris homoj en ŝiritaj, malpuraj vestoj, kun maldelikataj, kalaj manoj kaj sigelo de ĉiama zorgado sur vizaĝo... kaj ĉiuj ili rapidis, antaŭrapidis unu antaŭ alia, kvazaŭ timante ellasi atendantan ilin ie feliĉon...

Kaptita de humoro de tiuj-ĉi rapidantaj, mallumaj figuroj, rapidigis miajn paŝojn ankaŭ mi...

En malnova preĝejo, plena de bruo de voĉoj kaj ŝovado de centroj de piedoj sur ŝtonaj, defrotitaj platoj, estis lume, seke kaj varme, kaj elfrostiĝintaj, malsekiĝintaj homoj vigliĝis, viviĝis kaj, dissidiĝinte sur malnovaj, mordetitaj de vermoj benkoj, senpacience atendis, kiam al ili oni parolos pri feliĉo. Ĉirkaŭ ili, forirante supren, en mallumon, ŝarĝe leviĝadis malafablaj ŝtonaj muroj, aŭdadintaj dum centjaroj multajn—ho, kiom multajn!—preĝojn de homoj pri feliĉo, kaj, tial, indiferentaj al tiu-ĉi ekscitita amaso. Sed homoj metadis je ilia severa, kvazaŭ ion mallaŭdanta silento, nenian atenton...

Jen antaŭe, super katedro, tie, kie ĝis tiam staris altaro, hele ekflamis lumo: sur antaŭaj, kaj, post ili, ankaŭ sur ĉiuj ceteraj benkoj akre ekkrakis aplaŭdoj, kaj sur katedron suriris maldika, alta maljunulo, kun bona vizaĝo.

Bruo de homoj iom post iom, sed rapide, foriĝis, kaj en streĉita, atendanta mallaŭteco de malnova preĝejo aŭdiĝis maljunula varmigita per interna varmo, voĉo:

— Amikoj miaj...

Koroj ektremis kaj ekbatis pli varmege...

Kun ekbrulintaj okuloj, haltiginte spiradon,—unuj kun varmega kredo, aliaj kun singardema dubo,—homoj avide kaptadis ĉiun vorton de maljunulo. Kaj vortoj de maljunulo, jen, plenaj de sankta indigno, vipadis en aero, kiel vipoj, ekzekutante malviviĝintajn korojn, jen, varmigitaj per senfina amo, kiel trankvilaj anĝeloj sur neĝeblankaj flugiloj, flugadis en solena silentado de mallumaj arkajoj de malnova preĝejo kaj bruligadis lumon en animoj de homoj, pasie avidantaj kaj soifantaj veron.

Kaj min, fremdlandulon, ravadis kaj kortuŝadis ĝis larmoj kaj tiu-ĉi vorto, pasie elŝiriĝanta el brulvarmigita per amo koro, kaj tiu-ĉi senbordelibera, kuraĝa penso, brulanta super amaso, kiel suno.

Kaj maljunulo parolis jam pri senmorta, mirinda beleco de mondo, pri neelĉerpeblaj riĉajoj de tero kaj, ree per ventego de indigno kaj malamo renversiĝinte sur vivon de forgesintaj pri justeco homoj, kuraĝe detiris malluman kurtenon de estonteco kaj — homoj ektremis.

— Jen, jen estas ĝi — feliĉo!... Ĝi estas via!... Havu nur kuraĝecon etendi manojn!...

Per fajraj, bruligantaj vortoj maljunulo pentradis unu post alia blindigantajn pentrajojn de tiu-ĉi estonteco, de tiu-ĉi ebla estonteco— jen, jen estas ĝi!— kaj homoj, starintaj, ŝajnis, sur mem sojlo de tiu-ĉi feliĉo, suferis, turmentiĝis, freneze dezirante, freneze sopirante kaj—ne sciante, kiel eniri en paradizon...

— Jen, jen estas ĝi!.. pasie ekkriis maljunulo konkludajn vortojn, etendante al amaso manojn.—Prenu do!...

Kaj en liaj vortoj estis tiom da forto, tiom da kredo, ke ĉiuj, ĉiuj sen escepto, ekkredis, ke ili tuj, post momento prenos sian feliĉon, kaj rekompencis profeton per tondro de aplaŭdoj.

Sed pasis momento kaj—rapide-rapide!— estingiĝis kredo kaj—ree ne estas vojo en sorĉan landon!...

— Sed kion do ni devas fari por tio-ĉi? pasie ekbrilis subite el streĉita silento de amaso juna voĉo.—Kie estas vojo?...

Kaj voĉo tiu-ĉi trovis resonon en centoj da homoj, ne povantaj kompreni, koroj kaj varmega eksplodo de aplaŭdoj substrekis tiun-ĉi pasian sopirantan krion pri helpo, — ĉiuj postulis respondon: kie estas vojo?...

Kaj ree en streĉita mallaŭteco aŭdiĝis malakra, maljunula, iranta en animon voĉo:

— Vojo?...—diris maljunulo.—Parolu, kriadu pri malvero, postuladu justecon, ekbruligadu per fajro de vero sanĝajn korojn! Nia celo estas, ke homoj forgesu turmentojn, faru tiel, ke ilia rido estu pagata per nenies larmoj...

Kaj se ni vidas celon de vojo—kion ni bezonas plu? Ni iru!...

Mi aŭdis, kiel en koroj de homoj leviĝadis malvarma nubo de nekontentiĝeco...

— Sed formulon, formulon vi donu al ni! ree, kiel fulmo, ekbrilis el tiu-ĉi nubo pasia juna voĉo.

— Formulon! Formulon!... ekkriis voĉoj, en kiuj estis aŭdata nun kolero: feliĉo estis antaŭ okuloj kaj jen ĝi ree forglitas!

— Bruligadi korojn, kriadi—tiel, tio-ĉi estas bone! ĵetadis nevidebla al mi junulo sopirantajn vortojn —Sed tio-ĉi prenos, povas esti, ankoraŭ centjarojn, sed ni laciĝis... Diru, kion ni devas fari por atingi tion-ĉi tuj? Ni ne povas atendi? Komprenu: ni ne povas!...

— Bataladu!... respondis maljunulo.

Nubo de koroj mallumiĝadis... Mirajo paliĝis, malaperis. Fariĝis malvarme kaj malgaje...

Kaptita de tiu-ĉi malvarmo de disreviĝo, en sopiro mi levis okulojn, kaj subite malproksime antaŭe, en malluma angulo de preĝejo, super kapoj de homoj, mi ekvidis grandan malnovan krucumon kaj senordigita penso mia haltis sur Granda Suferinto pro feliĉo de homoj.

Kaj jen—kio estas tio-ĉi? – klinita flanken kapo en prunela krono leviĝis, estingiĝintaj okuloj eklumiĝis per delikata penso, kaj inter malvarma silentado de disreviĝinta amaso mi ekaŭdis sorĉantan voĉon:

— Serĉadu Regnon de Dio kaj veron de ĝi kaj cetera ĉio aldoniĝos al vi... Regno do de Dio interne de vi estas,—ne serĉu ĝin ekster vi: ĝi estas en viaj koroj. Amu proksimulojn viajn, kiel mem vin, kaj ne nur ne faru al ili tion, kion vi ne volas, ke ĝin ili al vi faru, sed faru, faru al ili tion, kion vi volas, ke ili al vi faru. Serĉadu regnon de Dio kaj veron de ĝi, kaj cetera ĉio—ĉu vi aŭdas? ĉio!... —aldoniĝos al vi... Vi do serĉas jen jam dum centjaroj „ĉion ceteran“ kaj nenion trovas kaj—neniam trovos!

Miregigita, mi rerigardis... Ĉiuj malgaje silentis...

— Fratoj!... Aŭskultu Lin!... ekkriis mi, eksaltinte kaj montrante Krucumiton pro homoj. Sed kapo en prunela krono ree senvive kliniĝis sur sangigitan bruston: Li diris ĉ i o n.

Ĉiuj rigardoj turniĝis al mi...

— Kio?... Kion li diras? ekaŭdiĝis de ĉiuj flankoj kolerigitaj voĉoj.—Formulon, formulon al ni donu!... Pli rapide... Por ni estas tempo por dormi,—morgaŭ ni devas labori... Formulon!...

— Sed ja ĝi delonge jam estas donita al vi! ekkriis mi...

— Kia? Ni ne scias... Ni forgesis... Formulon, formulon!... Pli rapide,—ni iras dormi!...

Kaj unu post alia ili sin levadis de siaj lokoj...

Du horojn parolis tie-ĉi homoj pri vivo, pri vero, pri feliĉo, sed nomo de Dio eĉ unufoje ne estis elparolita de ili, – ili volis aranĝi sian feliĉon sen Dio. Kaj tial, timante esti nekomprenata, mi ne decidiĝis ripeti al ili tion, kion diris al mi voĉo de kruco.

— Feliĉo estas ne ekster vi,—diris mi, — sed en viaj koroj. Eltiradu ĝin de tie!... Ĉiu penadu fari sin inda je idealo, kiun li celadas, kaj—feliĉo estos via... Komenci oni devas de si, plej antaŭe de si...

— Formulon!... Formulon!...

— Agadu kun homoj tial, kiel vi volas, ke ili agadu kun vi—kun ĉiuj, sen escepto, homoj, en ĉiuj, sen escepto, okazoj... diris mi.—Kaj de tiu momento, kiam vi komencos agadi tiel,— feliĉo estos via!...

Konfuzema silento estis respondo al mi... Enpensaj, kvazaŭ konfuzitaj per io, homoj silente sin direktis al elirejo: tio, kion mi diris, esti tro malnova, se ĉefe, tro simpla por esti komprenita kaj akceptita...

Kaj ree ĉiuj eliris en malvarman mallumecon de nokto. De nigra, malalta ĉielo, kiel larmoj de malespero, faladis grandaj gutoj de pluvo... En kelkaj lokoj, malforte lumigitaj per pala, malsana lumo de lanternoj, estis vidataj ruĝaj afiŝoj, alvokantaj homojn al feliĉo,—ili perdis sian koloron sub pluvo kaj en vido de malbelaj, gluaj ĉifonoj derampadis de muroj en koton, sub piedojn de homoj...

*Vs. Lojko*

# Krio de malespero.

La homo militas, la homo batalas,
Daŭriĝas kruela la bato!
Kaj homo post homo en sango ekfalas,
Trafita per mano de frato!
Sovaĝan, frenezan, daŭregan la baton
Nenio do povas reteni,
Dum homo en homo ne sentas la fraton,
Ne povas alian kompreni!
En ĉambro trankvila saĝulo sonĝema
Alvokas la amon, la sunan,
Tagnokte dum jaroj laboras pacema
Kreadas la lingvon komunan!
Kreaĵon mirindan, genian, moralan,
Donacas al mond', al homaro!
Kaj vokas en himno amason batalan,
Ke iru al ama altaro.
Sed vane en bruo alvoko ekfalas—
Perdiĝas la voĉ' de kompato!
La homo militas, la homo batalas,
Daŭriĝas kruela la bato!
Ho! kiam eksonos el koroj, el fondo,
Komuna, frateca belkanto,
Kaj steloj de paco eklumos al mondo
Kaj venkos spirit'—Esperanto?!

*Leo Belmont.*

# Kant' pri profeta Oleg'o.

Balado de A. Puŝkin.

*Tradukis Romano Frenkel.*

Jen kiel intencas profeta Oleg'
Malsaĝajn nun venĝi Ĥozarojn:
Atak' pro ilia per glav' kaj flameg'
Vilaĝojn detrui, kamparojn.
Kun la kolegar', en armaĵo, sur val'
Princ' rajdas sur sia fidela ĉeval'.
Arbar' el malluma renkonte al li
Saĝega jen iras sorĉanto —
Humila nur antaŭ Peruno—la di'
De la estontec' sciiganto;
Nur lia afer': antaŭdir' kaj peteg'.
Al saĝmaljunulo alrajdis Oleg'.
—„Ho diru sorĉisto, amat' de diar',
Viv' kion por mi do pretigos;
Al ĝojo ĉu de malamika najbar'
Tombtero min baldaŭ kuŝigos?
Malkovru la veron sen timo je mi:
Plej bonan ĉevalon mi donos al vi". —
„Sorĉistoj ne timas potencon de rang',
Donacon de princ' ne bezonas;
Profeta, libera ilia la lang'
Per volo ĉiela nur sonas.
Kaŝiĝas profunde estonta la sort',
Sed vidas mi ĝin, mia vera la vort',
Sur frunto. Ho princ' tenu ĝin en memor':
La glor' al venkinto —ĝojego;
Nom' via famiĝis per venka honor',
Cargrada sur fama pordego—
Ŝild' via; kaj akvo kaj ter', ĉia fort'
Obeas al vi—ho mirinda jen sort'!
Per ondo trompema en blua la mar'
En hor' de ventego fatala
La fluo ne ĉesos de via jarar',
Nek ankaŭ per sago batala;
Kaj batojn forigos armaĵa persist';
Ĉar la nevidebla vin servas gardist'.
Ne vian ĉevalon timigas danĝer',
Al via obeas ĝi volo;
Ne tremas ĝi en la batala afer',
La sagoj fajfante je kolo.
Nenio al ĝi - ĉu malvarm', ĉu batal',
Sed morton vi havos de via ĉeval'."
Ekridis Olego, sed tuj en moment'
Kovriĝis vizaĝ' per malhelo.
Ĉeval' forlasite en pens' kaj silent,
Per man' apoginte sur selo,
Amikon fidelan per mano kun mol'
Karesas, frapetas li kruta je kol'.
„Adiaŭ, kolego, fidela servant',
Disiĝi por ni venis horo.
Ripozu, neniam ja tuŝos rajdant'
De vi piedingon el oro.
Adiaŭ, ho kara, memoru do min.
Amikoj—junuloj nun prenu vi ĝin!
Tapiŝ' per haraja ĝin kovru kun pen',
En mian herbejon irigu,
Banigu, kaj nutru plej bona per gren'
Per akvo el fonto trinkigu".
Junuloj kondukis ĝin tuj al la stal'.
Al princo jam preta—alia ĉeval'.

Festenas Olego kaj la kolegar'
Sonoro kun gaja pokala;
Kaj blanka jam estas ilia buklar',
Sur mont' kiel neĝo kristala.
Pri tagoj pasintaj—ilia parol',
Pri kunaj bataloj rakontas popol'.
„Sed kie do estas nun mia koleg',
Ĉeval' mia forta, flamema?
Ĉu sana?—demandis la princo Oleg',
Ĉu same rapida, ludema?
„Ho princ' ĝi ne estas jam plu en la mond',
Ĝi dormas sur mont'"—tia estis respond'.
La kapon mallevis Oleg' potencul'
Kaj pensis: „Do kio-sorĉado?
Sorĉist' vi mensogis, ho vi frenezul'!
Ne estus se antaŭdirado,
Ankoraŭ ĉevalo nun portus ja min."—
Kaj ostojn ekvidi—de l'princo' inklin'.
Jen rajdas potenca Oleg' el la kort'
Kun Igorj, maljunaj kun gastoj.
Sur kruta monteto, de Dnepro ĉe bord'
La ostoj jen kuŝas nur lastaj.
Kaj pluvon kaj polvon portant' en silent'
Nur stipon ŝancelas sur ili la vent'.
Surpaŝis la princ' sur ĉevala krani'
Kaj diris: „Amiko modesta,
Ve, vivas la mastro pli longe ol vi:
En mia proksima mortfesto
Ne via, fluante kolhara de vil',
Sang' tombon varmigos sub akra hakil'.
Jen kie sin kaŝas pereo de mi—
Min osto per mort' minacadis!"
Sed dume serpent' el la morta krani'
Muĝante al li elrampadis,
Piedon volvante per nigra ruband'.—
Ekkriis pikita la princ' de Rusland'...
Sur festo post morto Olega pokal'
Ŝaŭmante rondiras en ordo.
Princ' Igorj kaj Olga—sur monto,—en val'
Jen sidas kolegoj ĉe bordo.
Kaj de batalintoj amika en rond'
Batal' pri pasinta laŭtsonas rakont'.

*Romano Frenkel.*

Enisejsk. 29 Januaro (n. s.) 1906.

---

**Rimarkoj al: „Kant' pri profeta Oleg'o".**

(Por nerusaj legantoj).

Oleg'o estas unua Kiev'a princo el domo de Rjurikidoj. La rusa kroniko rakontas, ke princo Rjurik mortante transdonis tronon al sia parenco Oleg', ĉar la filo de Rjurik-Igorj estis ankoraŭ neplenjara. Oleg'o submetis al sia potenco la urbon Kiev, kuŝantan ĉe la dekstra bordo de rivero Dnjepr kaj en la jaro 883 p. K. preskaŭ ĉiujn slavajn popolojn loĝintajn ĉe Dnjepr'o. Farinte Kiev'on sian ĉefurbon Oleg', diris: „ĝi estu patrino de rusaj urboj". En la jaro 907 Oleg', lasinte en Kiev Igorj'-on iris batali kontraŭ la grekoj kun militistaro el slavoj kaj skandninavoj. Oni iris sur ĉevaloj kaj sur ŝipoj. Laŭ vortoj de kroniko estis 2000 ŝipoj po 40 homoj en ĉiu. Legendo diras, ke Oleg' venkinte grekajn kaj pendiginte sur la pordego de Konstantinopolo (kiun rusoj nomigadis ankaŭ „Car-Grad" = „Reĝo-Urbo.") sian ŝildon kaj ŝildojn de siaj militistoj en signo de venko, reiris hejmen kun riĉegaj donacoj, ricevitaj de grekoj. La popolo mirigita per liaj sukcesoj nomis lin „profeta" t. e. kvazaŭ sorĉisto. Pri la morto de Oleg'o la kroniko rakontas legendon kiun la rusa poeto Puŝkin temigis en sia balado.

OLJGA (OLGA) estas nomo de l'edzino de princo Igorj.

ĤOZAROJ—estas popolo loĝinta en suda Rusujo pri kiu historiuloj ne konsentas, ĉu ili estis hungaroj ĉu finoj, ĉu la alia popolo, kaj kiuj ofte faradis atakojn sur la slavajn popolojn.

---

# Esperantista Movado

**Австрія.** Послѣ энергичной пропаганды г. G. Tartler основалась эспер. группа въ Kronstadt и ожидается открытие въ Leitmeritz и въ Klein-Augezd. На австр. промышл. выставкѣ, которая состоится въ Лондонѣ въ тек. году, будетъ выдѣлена въ самост. отдѣлъ Богемія. Въ организ. комитетъ по устройству выставки приглашенъ Пражскій Эспер. Клубъ (Esper. Klubo en Praha II. 1322, Autriche), который, при дѣятельн. содѣйствіи эсперантистовъ всего міра, несо-

**Aŭstrujo.** Post energiema propagando de s-ro G. Tartler fondiĝis grupo esperantista en Kronstadt kaj oni atendas la malfermon en Leitmeritz kaj en Klein-Augezd. En aŭstra industria ekspozicio, okazonta en Londono dum kuranta jaro, estos eligita en memstaran filion Bohemujo. En organizantan komitaton por aranĝo de ekspozicio estas ankaŭ invitita Praha Klubo Esp—sta (Praha II. 1322, Aŭtriche), kiu, ĉe agema kunagado de esperantistoj de tuta mondo, sendube fortikigos la estontecon

мнѣнно упрочитъ будущность яз. Эсперанто. Комитетъ Богемскаго Отдѣла уже принялъ оффиціально яз. Эсперанто для международной корреспонденціи и готовитъ къ изданію на эсперанто, чешскомъ и англійскомъ яз. „Путеводитель по выставкѣ". — Все, могущее помочь успѣху яз. Эспер. на выставкѣ, какъ-то: письма на этомъ яз., журналы и различные документы просятъ адресовать Пражскому эсперанскому клубу. г. Th. Čejka выпустилъ на чешск. яз. брошюру: „Esperanto, neŭtrala lingvo universala".

По сообщенію нашего корреспондента въ г. Prostejov (Моравія-Австрія) основалась эспер. группа послѣ рѣчи, произнесенной проф. реальн. учил. г. Rudolf Fridrich въ Обществѣ Прогрессистовъ. Мѣстныя газеты „Pozor", „Hlas Lidu" и „Hlasy z Hané" помѣстили статьи объ яз. Эсп.

**Алжиръ**. Вышли №№ 1 и 2 мѣстн. эспер. журн. „La Alĝeria Stelo", который нынѣ принятъ какъ оффиц. органъ Алжирскаго Эспер. О-ва.

**Англія**. Основались эспер. группы въ Ipswich, Hillhead, Airton Bell Busk, Bovey Tracey и въ Hull. Произнесены рѣчи о яз. Эспер. въ Dover, Hull и въ Rothesay. Эспер. клубъ въ Brighton and Hove началъ издавать журн. „La Esperanta Studento" (адр. F-no Oxenford, 16 Upper Westbourne Villas Hove, Sussex, England). Комитетъ вспомог. женск. О-ва Мира, предсѣдательницею кот. состоитъ г-жа A. Richard, разослалъ на яз. Эспер. пламенное воззваніе г-жи Adele Schafer ко всѣмъ женщинамъ міра, умоляя ихъ содѣйствовать всемірному разоруженію, прекращенію войнъ и установленію на землѣ прочнаго мира. За полученіемъ воззванія просятъ обр. по адр.: D-ro Evans Darby, Peace Societes Offices, 47 New Broadstreet, London E. C. England. Вышелъ изъ печати „Vortaro de esper. rimoj", собр. г. J. Rhodes. Изготовляетъ за 3 fr. дюжину откр. писемъ съ портр. заказчика Howden Wilkie (37, Engadine Rd., Southfields London, S. W. England. Въ Дублинѣ появилась въ продажѣ „La Esperanta Botpoluro".

**Бельгія**. Яз. Эспер. успѣшно распространяется въ Antverpen, Arlon, Bruxelles, Huy, Liege и Tongres. Журн. „De Lusthof" помѣщаетъ ст. и иллюстраціи, касающіеся эспер. движенія.

de l-vo Esperanto. La Komitato de Bohema Filio jam akceptis oficiale la lingv. Esper. por korespondado internacia kaj pretigas por eldono en ĝi kaj en lingvoj ĉeka kaj angla „Gvidanto en la ekspozicio". Ĉion, povantan helpi al sukceso de l-vo Esperanto en ekspozicio, nome: leterojn en tiu lingvo, jurnalojn kaj diversajn dokumentojn oni petas adresi al Praha Klubo Esp—sta. S-ro Th. Ĉejka elirigis en lingvo ĉeka la broŝuron — „Esperanto, neŭtrala lingvo universala".

Laŭ sciigo de nia korespondanto en urbo Prostejov (Moravujo-Aŭstrujo) fondiĝis la esp. grupo post la parolado, dirita de S-ro Prof. de Reala Lernejo Rudolf Fridrich en „Unuiĝo de la progresemaj homoj". La lokaj gazetoj „Pozor", „Hlas Lidu" kaj „Hlasy z Hané" enmetis la artikolojn pri lingvo „Esper.".

**Alĝerio.** Aperis №№ 1 kaj 2 de loka esper. jurn. „La Alĝeria Stelo", kiu estas nun proklamita kiel oficiala organo de Alĝeria S-to Esperantista.

**Anglujo**. Fondiĝis esper. grupoj en Ipswich, Hillhead, Airton Bell Busk, Bovey Tracey kaj en Hull. Estas diritaj paroladoj pri esperanto en Dover, Hull kaj en Rothesay. Esper. klubo en Brighton and Hove komencis eldoni jurnalon „La Esperanta Studento" (adresi: al F-no Oxenford, 16 Upper Westbourne Villas Hove, Sussex, England). Komitato de Helpanta S-to Virina por la Paco, prezidantino kies estas s-no A. Richard, dissendis en l-vo esper. flaman alvokon de s-no Adela Schafer al tutmonda virinaro, petegante ilin kunhelpi por tutmonda disarmiĝo, ĉesigo de militoj kaj restarigo de fortika paco sur tero. Por ricevi la alvokon oni petas sin turni al D-ro Evans Darby, Peace Societes Offices, 47 New Broadstreet London E. C. England. Eliris el presado „Vortaro de esper. rimoj kolekt. de S-ro J. Rhodes. Pretigas por 3 fr. dekduon de poŝtkartoj kun portreto de mendinto s-ro Howden Wilkie (37, Engadine Rd. Southfields, London. S. W. England. En Dublino aperis en vendado la Esperanta Botpoluro.

**Belgujo**. L-vo Esper. sukcese disvastiĝas en Antverpen, Arlon, Bruxelles, Huy, Liege, kaj Tongres. La jurn. „De Lusthof" enhavas artik. kaj ilustrajojn tuŝantajn la movadon esperantistan.

**Болгарія**. Въ Софіи мѣстн. эспер. клубъ избралъ новый комитетъ подъ предсѣдательствомъ Iv. Bradinov. — Ректоръ университета J. Georgov и г. Aktarĝijev произнесли успѣшно рѣчи объ эспер. Вмѣсто „Bulgara Esperantisto" (см. № 2) вышла въ Софіи подъ ред. Ковачева газ. „Esperanto", отличающаяся лишь тѣмъ, что франц. текстъ замѣненъ болгарскимъ. 4 fr. въ годъ. Адр. Н. Ковачеву. Софія, Болгарія.

**Боливія**. Гг. Canedo и Mūnoz формируютъ Боливійское Эспер. О-во.

**Бразилія**. Основывается эспер. группа въ Порто Аллегро и уже функціонируетъ кружокъ эсперантистовъ при медиц. факультетѣ мѣстн. университета. Д-ръ Olinto Oliveira, пользующійся громадн. вліяніемъ, изучаетъ яз. эсперанто.

**Венгрія**. Мѣстн. эспер. журн. „Esperanto" вступилъ во 2 годъ существ. и помѣстилъ въ № 1 три снимка: видъ на гору Lomnica въ Карпатахъ, мостъ Имп. Елизаветы въ Будапештѣ и „Степь". Во время предст. 10 Апрѣля въ Szeged стенограф. выставки будетъ экспонироваться и яз. эспер., въ виду чего проф. A. Alterburger (Szeged, Hongrie) проситъ прислать ему письма, журналы и др. документы, касающіеся яз. эсперанто.

**Гватемала**. Аббатъ Abrill произнесъ въ г. Гватемалѣ, на бывш. тамъ нац. выставкѣ, рѣчь объ эсперанто и за пропаганду этого яз. награжденъ правительствомъ золотой медалью. Нынѣ г. Abrill выпустилъ № 1 журн. „Centrameriko Esperantista", изд. имъ на собств. средства.

**Германія**. Основались эспер. группа въ Eppan (Tirol), предсѣдателемъ которой избранъ д-ръ Herz, и Эсперанская рабочая группа во Франкфуртѣ, подъ предсѣдательствомъ C. Gōtz. (Hōvenstr. 43, III). Формируются эспер. группы въ Mannheim и Strassburg. Въ послѣднемъ ведется усиленная пропаганда яз. эспер., субсидируемая инж. Jeannemey. Въ Апрѣлѣ мѣсяцѣ въ Брауншвейгѣ состоится съѣздъ эсперантистовъ для основанія Германскаго Эспер. О-ва. Открыты эспер. курсы въ Берлинѣ, въ Брауншвейгѣ и Бременѣ. Произнесены рѣчи объ эспер. въ Mannheim и др. городахъ. Комитетъ О-ва Jugendbund für Entschiede-

**Bulgarujo.** En Sofio, loka klubo esperantista elektis novan komitaton sub prezid. de S-ro Iv. Bradinov. Rektoro de universitato J. Georgov kaj S-ro Aktarĝijev diris sukcese la paroladojn pri esperanto. Anstataŭ la „Bulgara Esperantisto" (rig. № 2), aperis en Sofio sub red. de N. Kovačev gaz. „Esperanto", diferenciĝanta de la sia franca samnomulo nur per tio, ke teksto franca estas anstataŭigita de la bulgara. 4 fr. jare. Adr. Al N. Kovačev, Sofia, Bulgarie.

**Bolivujo.** S-roj Canedo kaj Mūnoz formas la Bolivujan S-ton Esp-stan.

**Brazilujo.** Fondiĝas grupo esperantista en Porto Allegro kaj jam funkcias esper. rondeto en medicina fakultato de loka universitato. D-ro Olinto Oliveira, havanta grandegan influon, ellernas l-von esperanto.

**Hungarujo.** Loka esper. jurnalo „Esperanto" eniris 2 jarekzistadon kaj enhavas en la № 1 tri ilustraĵojn: la vidon al monto Lomnica en Karpatoj, ponton de Reĝino Elizabeto en Budapest kaj — „La stepo". Dum estonta 10 Aprilo en Szeged stenografia ekspozicio estos eksponita kaj l-vo esperanto, tial prof. A. Altenburger (Szeged, Hongrie) petas alsendi al li leterojn, jurnalojn kaj la aliajn dokumentojn pri esperanto.

**Gvatemalo.** Abato Abrill diris en urbo Gvatemalo, dum estinta tie nacia ekspozicio paroladon pri esperanto kaj por propagandado de tiu-ĉi lingvo li estas rekompencita de la Registaro per ora medalo. Nun Ab. Abrill eldonis № 1 de jurn. „Centrameriko Esperantista", eld. je propraj monrimedoj.

**Germanujo.** Fondiĝis esper. grupo en Eppan (Tirol), kies prezidanto estas elektita d-ro Herz, kaj Esper. Laborista Grupo en Frankfurt a. M. sub prezido de C. Gōtz (Hōvenstr. 43, III). Formiĝas esper. grupoj en Mannheim kaj Strassburg. En la lasta oni faras plifortigitan propagandon de esperanto, mone subtenatan de inĝeniero Jeanneney. En Aprilo monato en Braunschweig efektiviĝos kunveno de esperantistoj por fondi Germanan Societon Esperantistan. Estas malfermitaj esper. kursoj en Berlino, en Braunschweig kaj Barmen. Paroladoj pri esper. estas diritaj en Mannheim kaj en aliaj urboj. Komitato de S-to Jugendbund für Entschiedenes Christentum ekintere-

nes Christentum заинтересовался яз. эспер. и регулярно печатаетъ въ своемъ органѣ „Die Jugenhilfe" эспер. хронику. Эсперанск. группа въ Elbing, готовясь къ энергичн. эспер. пропагандѣ, проситъ о снабженіи ея откр. письмами, газ. и др. документами по адресу: H. Greff, Ausserer Mühlendam, 97. Elbing, Westpreussen. Deutschland.

siĝis pri esperanto kaj regule presas en la sia organo „Die Jugenhilfe" esper. kronikon. Esper. grupo en Elbung, pretiĝante por energia esper. propagandado, petas provizigi ĝin per poŝtkartoj, gazetoj kaj aliaj dokumetoj laŭ adreso: — H. Greff Ausserer Mühlendam, 97, Elbing, Westpreussen, Deutschland.

**Голландія**. Вышелъ декабр. № „La Holanda Pioniro". Въ тек. году журн. этотъ выходить не будетъ. Отрывной эспер. календарь выпускомъ пріостановленъ за отсутствіемъ средствъ. Вскорѣ выйдетъ на голландск. яз. брошюра по вопросу о межд. яз. и о практическомъ разрѣшеніи его яз. эспер. Большое Голланд. О-во „Vilhelmino" для собир. иллюстр. откр. писемъ принимаетъ корреспонденцію на эспер. (J. H. Gauhstert Jr. Prez. Elandsgr. 19, Amsterdam).

**Hollando**. Aperis decembra N de „La Holanda Pioniro". En kuranta jaro jurnalo plu ne aperos. La eldono de ŝirkalendaro Esperantista estas haltigita pro manko de monrimedoj. Baldaŭ aperos en lingvo holanda broŝuro pri demando pri lingvo internacia kaj pri praktika ĝia solvo per l-vo Esperanto. Granda Holanda S-to „Vilhelmino" por kolektado de ilustritaj poŝtkartoj akceptas la korespondajon en esper. (J. H. Gauhstert Jr. Prez. Elandsgr. 19, Amsterdam).

**Данія**. M. Hilligsoe (Frederikshawn, Danemark) весьма охотно обмѣнивается съ эсперантистами иллюстр. откр. письмами.

**Danujo**. M. Hilligsoe (Frederikschawn, Danemark) tre volonte interŝanĝas kun esperantistoj ilustritajn poŝtkartojn.

**Индія**. Эсперанто проникло въ Индію въ 1904 году и 24 Окт. въ „Indian Review" появилась первая ст. объ эспер., написанная на англ. яз. индійцемъ Adinarayana Chettiar, который и по настоящее время энергично пропагандируетъ яз. эспер. и состоитъ корреспондентомъ журн. „Tra la Mondo". Слѣдуетъ отмѣтить также и англичанина г. Simper, долго прожившаго въ Индіи, который нынѣ намѣренъ подѣлиться бытовыми очерками этой „страны чудесъ" на страницахъ того же „Tra la Mondo".

**Hindujo**. Esperanto eniĝis Hindujon en 1904 jaro kaj 24 Okt. en „Indian Review" aperis unua artikolo pri esper., verkita angle de la hindo Adinarayana Chettiar, kiu kaj ĝis nun energieme propagandas l-von esper. kaj estas korespondanto de jurn. „Tra la Mondo". Oni devas ankaŭ noti la anglon s-ron Simper, longe loĝintan en Hindujo, kiu nun intencas publikigi skizojn pri loĝado en tiu ĉi „lando de mirindajoj" sur paĝoj de la sama „Tra la Mondo".

**Испанія**. Основалась эспер. группа въ Barco de Valdeorras и О-во „Espero Kataluna" въ Barcelona. Весьма успѣшно эспер. распростр. въ Bilbao. Г. A. Bravo del Barrio возобновляетъ изд. журнала „Esperanto", вых. въ Santander. Многіе офицеры въ Каталоніи заинтересовались яз. эспер. и даже преподаютъ его. Ateneo Enciklopedia Populara въ Барселонѣ открыла эспер. курсы. Яз. Эспер. преподается въ г. Ingualada. Журналъ „Murcia" вмѣщаетъ отдѣлъ „El Esperantista Espanol" подъ ред. M. Benavento. Газ. „Revista Medico Social", „El Norveste" и мн. др. помѣст. ст. объ эспер.

**Hispanujo**. Fondiĝis esper. grupo en Barco de Valdeorras kaj S-to Espero Kataluna en Barcelona. Tre sukcese disvastiĝas esperanto en Bilbao. S-ro A. Bravo del Barrio renovigas eldonadon de jurnalo „Esperanto", elir. en Santander. Multaj oficiroj en Katalunjo ekinteresiĝis pri l-vo esperanto kaj eĉ instruas ĝin. Ateneo Enciklopedia Populara en Barcelono malfermis kursojn de esperanto. Oni instruas l-von esperanto en Ingualada. Jurnalo „Murcia" enhavas la fakon „El Esperantista Espanol" sub red. de M. Benavento. Gaz. „Revista Medico Social", „El Norveste" kaj multaj aliaj enmetis artik. pri esperanto.

**Италія**. Въ Флоренціи основалась эспер. группа подъ предсѣд. г. R. T. Berni-Capacci. Открыты эспер. курсы въ Instituto Stenogra-

**Italujo**. En Florenco fondiĝis esper. grupo sub prezido de S-ro R. T. Berni-Capacci. Estas malfermitaj kursoj esperantaj en Instituto Ste-

fice Toscano. Ст. объ эспер. въ газ. „L'Avvenir d'Italia“ и въ „Il Cittadino Italiano“.

**Канада**. Въ № 48 газ. „La Presse“, вых. въ Монтреалѣ, помѣщена ст. объ эспер. „Les Langues maternelles“.

**Китай**. По сообщеніямъ газ. „Grenchner Volksblat“ и воляпюкскаго журн. „Volapūkabled Lezenodik“, вых. въ Graz,—въ Amoj вскорѣ состоится Конгрессъ Воляпюкистовъ.

**Марокко**. Среди мѣстной дипломатіи поднятъ вопросъ о необходимости введенія въ эту страну особаго нейтральнаго языка. Несомнѣнно, что эсперантисты не преминутъ воспользоваться этимъ важнымъ случаемъ указать на яз. эсперанто, въ какомъ направленіи Алжирская эспер. группа уже и сдѣлала первые шаги.

**Норвегія**. Секретарь Норвежско-Датскаго Эспер. О-ва, A. Johnson-Tönsberg готовитъ къ выпуску эспер. журналъ „Norvega Esperantisto“.

**Перу**. Вышелъ № 5 журн. „Antaŭen, Esperantistoj“. Въ № 4 журн. „El Prisma“ появилась ст. F. Villareal объ эспер.

**Россія**. Въ селѣ Березовскомъ, Ачинск. у., Енисейск. губ., функціонируетъ кружокъ эсперантистовъ. Отдѣленіе О-ва Эсперо въ Вильно, устраивая пост. эспер. выставку, проситъ о высылкѣ на имя Предс. В. Табенскаго (Esperanto, Эйшишки, Виленской губ.) писемъ, журналовъ и др. документовъ, могущихъ содѣйствовать успѣху выставки. Другое Отдѣленіе въ г. Вяткѣ „Ankro“ ввело преподаваніе яз. эспер. въ мѣстн. реальное училище и организовало Эспер. Союзъ средн. училищъ, который уже выпускаетъ свой органъ „Fajreroj“. Т. Щавинскій въ Мелитополѣ готовитъ къ печати переводъ ст. L. Beaufront „Сущность и будущность яз. Эсперанто“, сдѣл. свящ. И. Ширяевымъ на русск. яз. Формируются Отдѣленія О-ва Эсперо въ Юрьевѣ и Эривани. Въ СПБ-гѣ, подъ ред. инжен. В. Розенбергера вышелъ № 1 журн. „Progres“ на яз. Idiom Neutral (СПБ. В. О. Большой пр. 9, кв. 7). Въ учебн. А. Сапонько „Стенографія“, прилож. къ журн. „Вѣстникъ Знанія“ за 1905 г. помѣщенъ образчикъ эспер. стенографіи. Полученъ № 7—10 Рижскаго журн. „Всемірный Почтовый Союзъ“, со ст. и замѣтками объ яз. Эсперанто.

nografia Toscano. Artikoloj pri esper. estas en la gaz. „L'Avvenir d'Italia“ kaj en „Il Cittadino Italiano“.

**Kanado**. En № 48 de gaz. „La Presse“, elir. en Montreal, estas enmetita artik. pri esperanto „Les Langues maternelles“.

**Ĥinujo**. Laŭ komunikoj de gaz. „Grenchner Volksblat“ kaj de volapuka ĵurnalo „Volapukabled Lezenodik“, elir. en Graz,—en Amoj baldaŭ efektiviĝos Kongreso Volapukista.

**Maroko**. Inter loka diplomataro estas nun tuŝita demando pri neceseco enkonduki en tiun-ĉi landon la apartan neŭtralan lingvon. Sendube, ke esperantistoj ne preterlasos utiligi tiun gravan okazon por l-vo esperanto, en kia direkto Alĝeria Grupo Esperantista jam faris la unuajn paŝojn.

**Norvegujo**. Sekretario de Norvego-Dana S-to Esperantista, A. Johnson-Tönsberg, pretigas por eldono la esper. ĵurn. „Norvega Esperantisto“.

**Peruo**. Aperis № 5 de ĵurn.—„Antaŭen, Esperantistoj!“—En № 4 de ĵurn. „El Prisma“ aperis artik. de F. Villareal pri esper.

**Rusujo**. En vilaĝo Berjozovskoje de Aĉinskij distrikto en Enisеja gub. (Siberio) funkcias rondeto esperantista. Filio de S-to Espero en Vilno, aranĝante ĉiaman esper. ekspozicion, petas pri elsendo al nomo de ĝia prezidanto, V. Tabenski (Esperanto, Ejŝiŝki de Vilna gub.) la leterojn, ĵurnalojn kaj aliajn dokumentojn, povantajn akceli la sukceson de ekspozicio. La alia filio en Vjatka „Ankro“ enkondukis instruadon de l-vo Esperanto en realan lernejon kaj organizis Ligon Esperantistan de mezegradaj lernejoj, kiu jam elirigas sian organon „Fajreroj“. T. Ŝĉavinskij en Melitopolo pretigas por presado la tradukon de artik. de L. Beaufront „Esenco kaj estonteco de l-vo Esperanto“, faritan de pastro I. Ŝirjajev el l-vo esper. en la rusan lingvon. Formiĝas filioj de S-to Espero en Jurjev (Dorpato) kaj Erivan. En St. Peterburgo sub red. de inĝeniero V. Rosenberger aperis № 1 de ĵurn. „Progres“ en lingvo Idiom Neutral (St. Peterburgo, V. O. Bolŝoj prosp. 9 loĝ. 7). En lernolibro de A. Saponjko „Stenografio“, aldono al ĵurn. „Sciiganto de Scio“ por 1905 jaro estas enmetita la modelo de esper. stenografio. Estas ricevita № 7—10 de Riga ĵurnalo „Tutmonda Poŝta Unuiĝo“, kiu enhavas la artikolojn kaj notojn pri l-vo esperanto.

**Сальвадоръ**. Въ „Revista Cientifico militar", органѣ политехнич. училища въ г. Санъ Сальвадоръ регулярно печатается систематическій курсъ яз. Эсперанто.

**Соединенные Штаты**. Проф. Ostwald неутомимо пропагандируетъ яз. эспер., о которомъ имъ уже успѣшно произнесены рѣчи въ Вашингтонѣ, въ университетахъ Гарвардскомъ и Колумбійскомъ, а также въ Бостонѣ въ Технологическомъ клубѣ. Основались эспер. группы въ Гарвардѣ и Бруклинѣ. Проф. A. Schinz въ университетѣ Bryn Mawr. (Пенсильванія) произнесъ замѣчательную рѣчь объ эсперанто, которымъ весьма заинтересовались многіе студенты.

**Финляндія**. По сообщенію газ. „Hufvudstasbladet" въ студен. обществѣ въ Гельсингфорсѣ открылись эспер. курсы; въ засѣданіи торгово-промышленнаго о-ва обсуждался вопросъ о принятіи международнаго языка для корреспонденціи. Во время засѣданія получена изъ Выборга телеграмма: „Да здравствуетъ Эсперанто. Эспер. изъ Выборга". По иниціативѣ г. Emil Elenius изъ Hogland народные учителя рѣшили основать эспер. о-во „Suursaaren Esperantoseura".

**Франція**. Основалась эспер. группа въ Reims. Издав. въ Boulogne-sur-Mer эспер. журн. „La Revue de l'Esperanto" (26, rue Wissocq) вступилъ въ 4 г. сущ. Въ № 7 журн. „Tra la Mondo" линейнымъ чертежомъ наглядно показано движеніе яз. эспер. въ Англіи, Германіи и Франціи въ 1905 г. Комитетъ О-ва Pacifisto проситъ всѣхъ эсп—стовъ послать г. Moch (26 rue de Chartres Neuilly-sur Seine, France) слѣдующаго содержанія откр. письмо на яз. эспер. —„Я, нижеподписавшійся, (имя, фамилія, нація, профессія, адресъ) прошу, чтобы яз. Эсперанто былъ примѣненъ на Всемірномъ Конгрессѣ Мира для того, чтобы конгрессы эти были доступны всѣмъ лицамъ, не владѣющимъ иностранными языками". Въ Маѣ мѣсяцѣ эти письма г-номъ Moch будутъ доложены собранію Бернскаго Бюро. Газ. „Esperanto" сообщаетъ о яз. „Pankel", новой неудачной попыткѣ конкуррировать съ эсперанто. Появился въ переложеніи на музыку г. J. Guivy, романсъ д-ра Л. Заменгофа „Ho, mia kor'!". Вышли №№ 23 и 24 журн. „Espero Katolika". Фирма Baignol et Fajron.

**Salvadoro**. En „Revista Cientifico militar", organo de politeĥnika lernejo en urbo San Salvador, regule presiĝas sistema kurso de l-vo Esperanto.

**Unuigitaj-Ŝtatoj**. Prof. Ostwald senlace propagandas l-von esperanto, pri kiu li jam sukcese diris paroladojn en Waschington, en universitatoj Harvarda kaj Kolumbia kaj ankaŭ en Boston en Teĥnologia klubo. Formiĝis esper. grupoj en Harvardo kaj Brooklin. Prof. A. Schinz en universitato Bryn Mawr (Pensilvanio) diris rimarkindan parolon pri esperanto, kiu tre ekinteresigis multajn studentojn.

**Finlando**. Laŭ sciigo de gaz. „Hufvudstasbladet" en la studenta S-to en Helsingfors malfermiĝas la esper. kursoj; en kunsido de komerca-industria S-to estis diskutata la demando pri akcepto de internacia lingvo por korespondado kaj dum la kunsido alvenis la sekvanta telegramo: „Vivu Esperanto, Esperantistoj en Viburgo". Laŭ iniciato de S-ro Emil Elenius el Hogland la popolaj instruistoj decidis fondi la S-ton „Suursaaren Esperantoseura".

**Francujo**. Fondiĝis esper. grupo en Reims. Eldonata en Boulogne-sur Mer esper. ĵurnalo „La Revue de l'Esperanto" (26, rue Wissocq) eniris 4 jarekzistadon. En № 7 de ĵurn. „Tra la Mondo" per linia desegnajo estas okulvideble montrita movado esperantista en Anglujo, Germanujo kaj Francujo dum 1905 jaro. Komitato de S-to Pacifisto petas ĉiun esp-ston sendi al s-ro G. Moch (26 rue de Chartres Neuilly sur-Seine, France) la poŝtkarton de sekvanta enhavo en l-vo esperanto: „Mi, subskribiĝinto (baptnomo, nomo, nacio, profesio, adreso), petas, ke lingvo Esperanto estu aluzita en Tutmonda Kongreso por Paco por tio, ke tiuj kongresoj estu alireblaj por ĉiuj homoj, ne posedantaj la fremdajn lingvojn". En Majo monato tiujn-ĉi leterojn s-ro Moch prezentos al kunveno de Berna Oficejo. Gazeto „Esperanto" komunikas pri l-vo „Pankel", nova senprospera provo de konkuro kun esperanto. Aperis en alfaro je muziko de s-ro J. Guivy, romanco de d-ro L. Zamenhof „Ho, mia kor'!" Eliris №№ 23 kaj 24 de ĵurnalo „Espero katolika". Firmo Baignol et Fajron, en Boulogne, rekomendas la plumojn, krajonojn kaj skrap-

въ Булони, рекомендуетъ перья, карандаши и резины марки „Esperanto". L. Courtade (45—47 r. Lagrande, Bordeaux, France) выпустилъ Vino Esperantista.

**Швейцарія**. Основалась эспер группа въ Wintertur и формируется въ Neuchatel. Во многихъ гор. читаются курсы эсперанто и произнесены о немъ рѣчи. Вышелъ въ Laufen № 1 эспер. стенограф. журнала „La Flugila Stelo", изд. аббатомъ F. Schneeberger. Въ St. Gallen состоялась небольшая эспер. выставка. Газ. „Glarner Nachrichten", вых. въ Glaris, въ разсказѣ „Ein Gangdurchz Glarnerland im Jahre 1925", высказываетъ предположеніе, что обыватели этого кантона лѣтъ 20 спустя будутъ говорить всѣ на яз. эспер. и съ его помощью войдутъ въ сношенія со всѣмъ міромъ.

**Швеція**. Въ Стокгольмѣ вышелъ № 1 журн. „Esperantisten", изд. мѣстнымъ эспер. клубомъ и ред. P. Ahlberg, (37, Surbrunnsgatan, Stockholm, Suede). 4 fr. въ годъ.

**Японія**. Маленькая Японія заставляетъ говорить о себѣ все чаще и чаще, т. напр. по сообщенію жив. въ Okayama члена Японскаго Лингвистическаго Комитета, г. Edw. Gauntllette, уже готовъ къ печати на японскомъ яз. учебникъ Эсперанто. Gauntlette энергично пропагандируетъ яз. эсперанто и, благодаря ему, 64 японца въ совершенствѣ владѣютъ этимъ языкомъ; въ томъ числѣ одинъ изъ нихъ служитъ въ Токіо, при Императорскомъ Дворѣ.

*Рад(ванъ)-Рып(инскій).*

gumojn de marko „Esperanto". L. Courtade (45—47 r. Lagrange, Bordeaux, France) eliris Vinon Esperantistan.

**Svisujo**. Fondiĝis esper. grupo en Wintertur kaj formiĝas en Neuchatel. En multaj urboj oni legas esper. kursojn kaj diritaj estas paroladoj pri tiu lingvo. Aperis en Laufen № 1 de esper. stenografia ĵurnalo „Flugila Stelo", eld. de abato F. Schneeberger. En St. Gallen efektiviĝis malgranda esper. ekspozicio. Gaz. „Glarner Nachrichten", elir. en Glarus, en rakonto „Ein Gangdurchz Glarnerland im Jahre 1925" supozas, ke kantonanoj de Glarnerland post 20 jaroj parolados ĉiuj en lingvo esperanto kaj kun ĝia helpo kunligos interrilatojn kun tuta mondo.

**Svedujo**. En Stockholm aperis № 1 de ĵurnalo „Esperantisten", eld. de loka esper. klubo kaj red. de P. Ahlberg (37, Surbrunnsgatan, Stockholm, Suede). Jare 4 frankoj.

**Japanujo**. Malgranda Japanujo devigas paroli pri ĝi pli kaj pli ofte, t. ekz., laŭ komuniko de membro de Japana Poliglota Komitato Edw. Gauntlette, loĝanta en Okayama, jam estas preta por presado en lingvo japana lernolibro de esperanto. S-ro Gauntlette energieme propagandas l-von esperanton kaj, dank' al tio, 64 japanoj perfekte posedas tiun ĉi lingvon; unu el ili servas en Tokio ĉe Imperiestra Kortego.

*Rad(van)-Rip(inski).*

# Esperanto en Italujo,

(de nia propra korespondanto).

Januaro, 1906.

Per tiu-ĉi artikoleto mi ne pretendas certe doni al la miaj karaj rusaj samideanoj tutan raporton pri la movado esperantista en nia lando, sed mi volas doni nur kelkajn notojn, kiuj povos iom montrigi en kia malbona stato ĝi ekzistas tie-ĉi. Ni, italoj, estas bedaŭrinde, laŭ naturo, la mallaboremaj kaj nur tio povas kelkmaniere klarigi la nekredeman malfruecon de la disvastigado de Esperanto inter ni. Italujo, nacio kun 34 milionoj de regnanoj, havas eble 1.000 esperantistojn, kaj tiuj lastaj, escepte de kelkaj sindonemaj personoj, estas ĉiuj, kiel

diri?.. malvarmaj esperantistoj, kaj la klopodoj de suprecititaj samideanoj povas, kompreneble, atingi malgravajn rezultatojn. Kvankam en Italujo ekzistas ĉirkaŭ ok grupoj, kelkaj el kiuj sufiĉe gravaj (Romo, Palermo, Napolo), tamen estas ĉiam tro malmulte. La signo, kiu vidigas la staton de Esperanto en ia nacio, estas ĝia esperantista gazetaro. Francujo, kiu estas la nacio, plej esperantista el ĉiuj, havas mirindan gazetaron; la forta Franca S-to p.p. E. kaj la miloj de Esperantistoj vivadigas ĉiujn gazetojn kaj jurnalojn. En Italujo kontraŭe la afero estas tute malsama. Nia malnova jurnalo: «L'Esperantista», fondita en Torino de s-ro Germano, unu el niaj plej lertaj kaj agemaj kunbatalantoj, vivadis preskaŭ dum du jaroj kaj post ĝi devis haltigi sian aperadon pro manko de mono. Post unu jaro grupo de bonvolaj esp—stoj, esperante ke la tempo estas plej matura, fondis novan gazeton kun bela nomo, „Gefrataro Esperanta". Sed iliaj klopodoj ne renkontis la sukceson esperitan: la abonoj estis malmultaj kaj el la italaj samideanoj estis malmultaj tiuj, kiuj volis sendi siajn abonmonojn por helpi al disvastigado de nia afero en Italujo, subteninte la gazeton, dume ne estas ebla konigi nian aferon en ia lando sen propra propaganda jurnalo, kiu unuigu kaj alcentrigu la klopodojn kaj agadojn de la diversaj batalantoj. Tamen „Gefrataro Esperanta" povus vivi, se ĉiuj la italaj agemaj esperantistoj estus unuiĝintaj. Sed ne: en Sicilio ekzistas gravaj grupoj, precipe en Palermo, sed ili anstataŭ unuiĝi kun la Itala S-to p.p. E. preferis fondi apartan „Sicilian Federacion Esperantistan", kiu baldaŭ, mi kredas, havos sian jurnalon *). Tio-ĉi estus bela entrepreno, se en Italujo ekzistus sufiĉaj fortoj por vivigi du organojn, sed, bedaŭrinde, mankas la fortojn por vivigi unu solan organon. Mi opinias tial, ke la du organoj kunfartados malfacile kaj mi timas malgravan.. se la dirita organo aperos. En Italujo post nacia presaro rifuzas enpresi artikolojn pri Esperanto, ĉar ĝi opinias ke la afero esperantista ne estas serioza afero kaj ke ĝi estas unu el la utopioj, per kiuj oni plenigas la libertempon melankoliaj inteligentuloj. Tial, se kelkaj izolitaj jurnaloj enpresas kelkajn artikolojn pri nia afero, la granda amaso de nia gazetaro estas indiferenta, kian ne estas absolute kontraŭa. Alia kaŭzo de la malforta vivo de „Gefrataro Esperanta" estis nenia kuraĝigo de la esperantista fremda gazetaro al ĝi. Kiom mi scias, de la sia apero „G. E." estis anoncita en nenia gazeto kaj, ekzemple, en la kovrilo de „Lingvo Internacia" inter la multaj gazetoj anoncitaj oni vidis neniam „G. E.". Mi komprenas, ke eble, laŭ deziro de s-ro A. Kofman, ne anoncadi plu pri la gazetoj, kiuj havas longan intertempon, kiel „G. E.", sed la unuaj kvar numeroj eliris sufiĉe regule. La Direkcio de la gazeto malfermis monoferadon por la Kalabriaj malfeliĉuloj, sed ja nia gazeto aŭ revuo ne fartis per ĝi. La silento de kunfrataj gazetoj faris tion, ke multaj eksteritalaj samidianoj ne konis „G. E." kaj tial ili ne abonis ĝin. Konklude: Esperanto en Italujo disvastiĝas malfacile kaj malfrue pro du kaŭzoj: 1-a, La organo propaganda ne povas aperadi regule ĉiumonate por batali kaj propagandadi nian ideon inter la itala popolo, konsekvenco de la fakto, ke la italaj esperantistoj ne estas ĉiuj unuigitaj kaj ke ĝi estas malmulte konata eksterlande: 2-a, Ĉar la granda plimulto de la itala presaro estas indiferenta kaj ne interesiĝas pri nia afero kaj pri nia movado. Tio estas nur mia opinio, kiu povas esti erara.

Vicensa, Italujo.

*Giaretta Vasco.*

---

*) Rimarko de red. Jurnalo „Idealo" en Palermo.

# Bibliografio.

**La redakcio de „Rusl. Esper." jam kelkefoje sin turnadis al ĉiuj esperant. aŭtoroj kaj eldonistoj kun granda peto sendadi al ĝi la novajn verkojn por recenzio, ĉar nur la seriosa kritiko povas helpi la disvastigadon de la lingvo internacia kaj montri al la skeptikuloj, ke nia ideo ne estas „utopio", sed ke ĝi estas plena de vivo, senceco kaj estonteco. Sed bedaŭrinde niaj petoj restis ĝis nun preskaŭ senrezultataj, esceptinte nur kelkajn aŭtorojn, kiuj tre afable sendis al ni iliajn verkojn. Tial ni sciigas niajn membrojn, ke ili povas mendi ĉe ni nur tiajn librojn, pri kiuj ni donados la recenzion, la aliajn do ni ne tenados en nia librotenejo, ĉar, ne sciante la ilian enhavon, ni ne povas rekomendi ilin al niaj legantoj.**

**Tutmondaj Fajro-kutimoj. Kolekto farita de s-ro H. W. Southcombe. Prezo 35 cent.**

La malgranda broŝuro, bone redaktita kaj eldonita, prezentas la unuan paŝon al la scienca esplorado de popolaj kutimoj. Sed ĉar la studado de la sennombraj ceremonioj kaj kutimoj de la homaro postulas ĉiuflankan prilaboradon de tiu ĉi tre interesa demando, la aŭtoro decidis eldoni nun la broŝuron sub suprenomita titolo. Tiun ĉi unuan provon ni salute renkontas kaj rekomendas al niaj legantoj. En nombro de kunlaborantoj estas montritaj la nomoj de konataj esperantistoj, ankaŭ el Polujo kaj Rusujo, nome S-roj A. Grabowski, E. Radvan-Ripinski kaj aliaj.

---

**La nova lernolibro de la lingvo „Esperanto" por rusoj. Eldono de S-ro Redaktoro de „Vestnik Znanija" V. V. Bitner. La prezo—75 kop.**

Tiu ĉi nova lernolibro ne estas memstara laboro, sed prezentas nur la simplan kompilon de lernolibroj de S-ro Borel kaj S-ro Th. Cart. Ĉiuj tiuj difektoj, eĉ la preseraroj, kiuj ekzistas en tiuj ĉi lernolibroj, estas enpresitaj kaj ĉe S-ro Koltonovski—aŭtoro de tiu ĉi nova lernolibro. Estas videbla la sperta mano de kompilisto kaj plena nekonateco de la lingvo „Esperanto"! Tiu ĉi eldono havas nur tian gravegan signifon, ke ĝi estis dissendita en kvanto de 15.000 eksempleroj kaj sendube vekos la intereson al nia ideo. Nenion plu ni atendas kaj por tio ĉi ni dankos S-ron V. V. Bitner...

---

**V. N. Devjatnin. Plena verkaro. Libro dua. Eldono de S-ro D. P. Vejsbrut. Prezo 1 p. 25 k. съ перес. — 3 fr. 35 c. kun transsendo.**

La enhavo de tiu ĉi verkaro estas tre interesa kaj povas servi kiel modelo de belega esperanta stilo. Krom jam konataj verkoj, kiel „Edziĝo", „Arturo", elirintaj en la Fundam. Krestom. de D-ro Zamenhof, estas enpresita la versa traduko de poemo de A. Puŝkin „Poltava". Oni devas esti mem poeto por fari tian belegan tradukon de nia glora poeto... La sukceson de tiu ĉi libro garantias la nomo de S-ro V. N. Devjatnin, konata al la tuta mondo esper. kaj ni estas konvinkitaj ke tiu ĉi dua libro estos rapide disaĉetita.

---

**Proverbaro Esperanta, aldono al la verko „Fraseologio rusa-pola-franca-german." de M. F. Zamenhof. Kajero II. Prezo 20 kop. (50 cent.). Estas aĉetebla ĉe s-ro M. F. Zamenhof. Varsovio, Str. Nowolipki, 43.**

La grava signifo de tiu ĉi seriosa laborajo estis jam montrita de ni en la № 5 de „R. E." (1905) kaj ni nun denove insiste rekomendas ĝin al niaj samideanoj.

---

**V. N. Devjatnin. Unua libro. Eldono de Librairie Hachette & C. Paris. 1906 j.**

Nia flama esperantisto kaj kunlaboranto de „Ruslanda Esperantisto" senlace laboradas. Preskaŭ unutempe aperis du volumoj de lia verkaro. En tiun ĉi eldonon eniris: la dramo de A. Puŝkin „Boris Godunov", orienta rakonto de Lermontov „Demono" kaj la aliaj versajoj, kiel propraj, tiel kaj tradukitaj. La eldono de Firmo Hachette ne estas tiel lukse eldonita kiel la rusa. La manko de „enhavo" kaj foresto de prezo sur la kovrilo estas grava preterlaso de flanko de eldonisto. Tiun ĉi volumon oni povas ricevi senpere ĉe s-ro V. N. Devjatnin (Rusujo, Vilno, Snipiŝki, domo de Kacenelenbogen).

---

**Hispana Jarlibro Esperantista por 1906. Eldono de Hispana S-to por la propagando de Esperanto.**

Estus dezirinde ke ĉiuj esperant. S-toj prenu la ekzemplon de Hispana S-to, kiu eldonis la jarlibron de hispanaj esperantistoj. Kune kun tio ĉi oni povas tute klare ekvidi, ke Esperanto en Hispanujo estas tre disvastigita kaj havas multe da aliĝantoj. Ĉiu esperantisto kun granda plezuro akiros tiun ĉi eldonon ĉe Hispana S-to p.p. de Esperanto.

---

**„Tra la mondo". Jarabonpago 8 fr.**

Beiega ilustr. jurnalo, enhavanta interesajn artikolojn kaj fotografaĵojn. En la lasta № estas enmetitaj la fotograf. el la revolucia vivo en Rusujo kaj Polujo. La provaj numeroj laŭ mendo ĉe la Administranto (15, Boulevard des 2 Gares, Meudon, Seine-et-Oise. France) estas riceveblaj senpage. Ni insiste rekomendas „Tra la Mondo" al niaj rusaj samideanoj.

*A. Sensajev.*

---

**„Internacia Revuo Medicina", ĉiumonata gazeto. Jara abono: 12 fr. (4 rubl. 80 kop.). Admin.: Paris, 33 rue Lacépède.**

Eliris № 1 de la nova jurnalo en Esperanto, dediĉita al medicino. La signifo de tiu ĉi eldono estas tiel granda kaj tiel klara, ke paroli pri ĝi ne estas bezono. Tia fenomeno de l'komunehoma kulturo, kiel medicino, ĉiam disvolviĝadis ekster naciaj kadroj, kaj foresto de l'aplikado al ĝi de lingvo intrenacia ĉiam estis aparte sentata en tiu ĉi grandega regiono. Nun venis tempo por forigo de tiu ĉi difekto. La nova jurnalo, en kiu koncentriĝados nuntempa disvolviĝado de l'medicino, estas aranĝita tre vaste, kaj presado de l'materialo samtempe en Esperanto kaj en aliaj naciaj lingvoj faras la jurnalon taŭga por ĉiuj kuracistoj, ankoraŭ ne konataj kun Esperanto. La jurnalo estas presata en granda formato per kunpremita literaro. № 1 estas interesa en sia enhavo.

---

**Vs. Garŝin. „Ruĝa Floro", trad. de K. Boguŝeviĉ. 1905. Paris, eldono de „Presa Esp. S-to". Kosto 35 cent. (14 kop.).**

Veran ornamon de l'esperanta literaturo prezentas la tradukita rakonto de la rusa talanta verkisto, „kantanto de malsana animo". „Ruĝa Floro" de Vs. Garŝin estas unu el plej eminentaj rusaj verkoj beletristikaj, kaj estas tre agrable, ke ĝi fariĝis nun konata al nerusaj legantoj. Tiun ĉi agrablan senton pligrandigas ankoraŭ la indecoj de l'traduko, kiu estas farita de s-ro Boguŝeviĉ tre bone.

O. R. F.

---

**„Rolandkanto", trad. de d-ro Noël. 1906. Paris. eldono de „Presa Esp. S-to". Pp. 176. Kosto 1 fr. 70 c. (kun transs).**

Tre grandan kaj seriozan laboron faris s-ro Noël, internaciiginte per Esperanto la grandiozan francan „Iliadon". 4000 versoj, tre lerte tradukitaj kaj konservintaj sian francan spiriton... La proksimeco al originalo kaj talanta traduko sendube starigas „Rolandkanton" apud plej eminentaj verkoj de nia Esperanta literaturo, apud „Hamleto" kaj „Iliado". Pri mem verko ni ne devas paroli longe, ĉar ĝia gloro estas tro vasta kaj sonora. La frato de l'epopeoj grekaj de Homero kaj latina de Virgilio, de l'epopeoj germanaj („Nibelungoj"), de l'„sagoj" nordpopoloj k. al.,—la „Rolandkanto» estas modelo de majesta popola (nacia) kreado, rezultato de nacia penso kaj poezio. Simile al rusaj «bilinoj» (estintaĵoj) ĝi estas tute nacia produkto, «vere franca kaj eĉ france klasika». kiel aldonas prof. Cart en la antaŭparolo. Bonan alvenon, la internaciigita «Kanto de Roland'"...

*Standartisto.*

---

**Ivan Malfeliĉulo. „Sep rakontoj", originale verkitaj en la lingvo Esperanto. 1906, Paris, eldona de „Presa Esper. S-to" Pp. 73. Koste 1 fr. 10 cent. (kun transs.).**

La „Presa Esper. S-to" eldonis unuan libron de originalaj verkoj esperantaj. La aŭtoro de „Sep rakontoj" estas s-ro Ivan Malfeliĉulo, kies stilo esperanta estas bona, pentraĵoj de naturo estas ankaŭ sufiĉe poeziaj. Tamen, rilate de la enhavo de la rakontoj oni povas fari la demandon: „ĉu ni devas esti fieraj pro nia originala literaturo nur tial, ke ĝi estas originala, sendepende de ĝia senco kaj literaturaj proprecoj?".

*St.*

# KONFUZO.

Skizo.

Patro Harlampo. batjuŝka *) de unu granda rusa vilaĝo N., estis preskaŭ kvindekjara homo, altkreska, malgrasa, kun tre neproporcie granda nazo, longaj haroj kaj barbo, kun bonaj okuloj kaj simpatia vizaĝo. Kiel pastro kaj homo, pastro Harlampo estis ekster ia ajn kritiko: li tre pie plenumadis siajn malfacilajn pastrajn devojn, neniam rifuzis al neniu bonan konsilon kaj kompaton, kun ĉiu estis pli aŭ malpli afabla...

Tial liaj paroĥanoj amis kaj ŝatis lin.

Venis li N-n jam antaŭ multaj jaroj, tuj post eklino de kurso en seminario, nuda, kiel turka sanktulo, havante nur malnovan ĉapelon, novan pastran veston kaj senfundamentajn botojn. Cetere, dank'al Dio, p. Harlampo havis grandajn manojn kaj sperta tajloro en nova pastra vesto preparis ne malpli grandajn poŝojn — tial, iom post iom, p. Harlampo ne sole aĉetis al si botojn, ĉapelon kaj entute necesajn objetojn de vesto, sed ankaŭ ĉiumonate komencis veturadi en plej proksiman gubernian urbon pro celoj, kiujn longe neniu povis diveni.

Pro kio do li veturadis tien?

Konante bone patron Harlampon, oni povis tre facile kompreni kaŭzon de tio ĉi: li estis homo tre antaŭvidema kaj amis,—kompreneble ne pro avareco, sed rekte laŭ simpla logiko,— ŝpari monon. Pro kio do malŝpari, se oni povas kun pli granda utilo kaŝi ĝin en bankon. Laŭ tiu ĉi tre konsekvenca logiko, li eĉ preferis rifuzadi al si tiun aŭ alian necesan objekton postulantan elspezon por nur havi pli multe da kapitalo, kiu, kiel p. Harlampo tre bone sciis, antaŭ ĉio estas necesa al ĉiu homo.

Tamen, ĉu konfuzon, pri kiu mi volas rakonti, kaŭzis ŝparemeco de p. Harlampo, au lia rifuzado al si de necesaj objektoj, aŭ entute io alia, mi ne prenos je mi pekan kuraĝon prijuĝi tiun ĉi demandon. Ĝin mi lasas al miaj legantoj, al kiuj mi donas faktojn por decido.

En momento, kiam mi komencas priskribi p. Harlampon, li, sidante sur veturigilo, per granda vipo igis ĉevalojn kuri pli rapide.

Kien do li tiel rapidis?

Jen, p. Harlampo eksciis hodiaŭ, ke la sinjoro bienhavanto de najbara vilaĝo, kiu ankaŭ apartenis al paroĥo de p. Harlampo, post longa foresto, venis hejmen el... Italujo, Francujo, aŭ entute el alia lando. El kia — li ne sciis kaj tio ĉi ne estis grava, kiel ankaŭ ne estas grave pro kio p. Harlampo veturis al li. Povas esti, li veturis al sinjoro bienhavanto pro timo de sia edzino, virino tre dika kaj energia,—ne obeadi kiun egalis ricevi tian teruran pugnan demonstracion, ordinare sekvintan ultimaton, ke al p. Harlampo eĉ de rememoriĝo fanĝis malvarme,— kiu hodiaŭ matene diris al li:

— Jen kio: vi tuj veturos al sinjoro N.

— Pro kio? — mirigite rigardante edzinon, demandis li.

— Silentu! — batante per pugno sur tablo, respondis edzino.

P. Harlampo ektimiĝis kaj sidis trankvile, atendante kion diros edzino.

— Pro tio, — daŭrigis ŝi, — ke vi devas ricevi de li monon por preĝejo.

— Por preĝejo?.. malkuraĝe rediris li.

— Jes, por preĝejo! Kiom da tempo mi ne povas aĉeti al mi tian veston, kian havas nia najbara pastrino? Nu jen, vi neniam pensis pri tio ĉi.

P. Harlampo volis protesti, sed edzino malpermesis.

— Silentu!—ekkriis ŝi, estu ĉe mi monon mi nenion volas scii, ĉu vi komprenis?

Kaj efektive, li komprenis. Li komprenis, ke oni devas veturi, ricevi monon kaj vane ne riski siajn longajn harojn kaj barbon.

Sufiĉe rapide moviĝante antaŭen, p. Harlampo baldaŭ atingis vilaĝon-rezidencon de sinjoro bienhavanto.

„Sankta Nikolao, helpu al mi"... alligante ĉevalojn al pordego kaj direktante siajn paŝojn en palacon, pensis li.

En antaŭĉambro pastron Harlampon renkontis lakeo, anglo, kiu tre malentuziasme salutis lin.

— Kion vi volas? — demandis li angle.

— Kio? — redemandis pastro, tre konfuzita pro vortoj de lakeo, — diru al mi ortodokse, ruse, mi ne komprenas alie...

— Kion vi volas?—ripetis lakeo ruse, kun forta angla akcento.

— Vidi sinjoron bienhavanton.

Kelka tempo lakeo ne povis decidi: ĉu restigi pastron en antaŭĉambro, aŭ inviti en.

*) En Rusujo oni tiel nomas ortodoksajn pastrojn.

gastĉambron. Fine li malfermis pordon kaj diris:

— Bone, iru tien...

Enirinte en lukse vestitan gastĉambron, pastro Harlampo eksentis sin tre mallerte. Liaj grandaj botegoj, malgraŭ penoj, terure laŭte frapadis sur brilanta, kiel spegulo, pargeto, kaj ĉiu ekfrapo malagrable batis liajn nervojn. Li ĉirkaŭrigardis maltrankvile dekstren kaj maldekstren, kvazaŭ timis ricevi kolan ekbaton de forestanta tie ĉi edzino, kaj pensis:

„Sankta Nikolao, direktu miajn agojn... Pro tio mi igos siajn parohanojn reorigi kadron de Via imago... helpu al mi..."

Sed... oni povas supozi, ke Sankto Nikolao ne aŭdis preĝon, aŭ rekompenco ekŝajnis al li tro ne sufiĉa, aŭ li ne-volis sin maltrankviligi... Unuvorte la sorto preparadis al p. Harlampo teruran konfuzon, kiun poste li neniam povis forgesi.

Dume, malagrabla atendo daŭris ne longe kaj ĝin interrompis eniro de bienhavanto. Pastro Harlampo levis sin rapide, profunde salutis lin kaj, tusinte kelkfoje en pugnon, kiel li ordinare faris antaŭ la komenco de meso, li tiel diris:

— Pardonu pro maltrankviligo, pia sinjoro, sed devo mia, kiel de pastro de via vilaĝo, estas zorgi pri aferoj de sankta preĝejo. La preĝejo nia, pia sinjoro, estas malnova, malriĉa, ĝi bezonas rebonigon kaj multajn aliajn elspezojn. Niaj malriĉaj parohanoj ne povas mem doni sufiĉan sumon por tiu ĉi agrabla al Dio faro... Tial konante bone vin, kiel bonan, pian ortodoksanon, mi decidis peti vin: laŭ forto helpu nin... La eklezio sankta, parohanoj kaj mi eterne preĝos pro via sano kaj savo de via bona nobla animo. Am...

Laŭ kutimo, p. Harlampo volis diri „amen", sed, ĝustatempe rimarkinte eraron, korektis ĝin, ree kelkfoje tusinte en pugnon.

Kaj sur lipoj de bienhavanto por momento aperiĝis ironia rideto kaj poste grimaco: lian nazon atingis malagrabla odoro de ĉevalejo kaj gudro.

— Bone,—diris li,—sidiĝu, pastro.

Pastro Harlamposidi ĝis sur rando de mola seĝo.

— Jes, vi volas, ke mi helpu vian preĝejon—daŭrigis bienhavanto,— bone, mi ordonos doni por tiu ĉi celo sufiĉan sumon; tiu ĉi ne estas grava. Rakontu al mi kiel vi fartas tie ĉi?

Kiam pastro Harlampo ekaŭdis vortojn de sia konfesanto, kredeble larmoj de feliĉo kovris liajn okulojn kaj sendube li ekpensis: Ho, Dio, kiom da pekoj Vi pardonos al s-ro bienhavanto en alia mondo pro tiu ĉi bonfaro!.. ĉar kiam li respondis: — dank'al Dio, bone, sinjoro, – lia nazo ekpostulis purigon.

Kaj pastro Harlampo rapidis plenumi postulon...

Por tiu ĉi celo li sin levis, faris kelkajn paŝojn flanken, ĉar lia seĝo staris sur kara tapiŝo, kaj, sintrovinte sur pargeto, komencis sen tuko kun helpo de mano purigi sian nazon, penante fari tion ĉi kiel eble pli delikate kaj bonmore...

— „E-e-fu-u-m-m-m..." — ripertis eĥo en alta plafono de gastĉambro kaj p. Harlampo terure eksvingis per mano, jetante elpelitaĵon sur pargeto... Poste li elviŝis fingrojn per basko de sia vesto, sisteme prenis el poŝo ruĝan nazan tukon, svingis per ĝi en aero, kvazaŭ volis montri, ke li ankaŭ havas tiun ĉi senutilan objekton kaj rekaŝis ĝin en antaŭan lokon...

— Jes, dank'al Dio, bone, sinjoro, — daŭrigis li, revenante, — nur parohanoj niaj estas tro malriĉaj... Je tio ĉi oni ne povas ĝoji. Vi mem, sinjoro, scias, ke ni tute dependas de ili... Sed kio do estas kun vi, s-ro, vi ŝajnas malsana...

Efektive eksteraĵo de bienhavanto estis stranga: li nerveme kuntiriĝadis.

— Ho, ne, — respondis li kaj premis butonon de sonorilo.

Kelka tempo reĝis malagrabla silento, interrompita nur de lakeo, demandinta angle:

— Kion vi ordonos, sinjoro?

Bienhavanto diris kelkajn vortojn, fatalan sencon de kiuj p. Harlampo komprenis nur tiam, kiam revenis elirinta lakeo. Jes, senco de ordono estis efektive fatala por p. Harlampo; li kun teruro rigardis, kiel lakeo surŝutis sablon sur makulo kaj komencis per broso purigi pargeton, de tempo al tempo ĵetante sur li rigardojn, en kiuj li neniamaniere povis legi ion bonan por si.

Pastro Harlampo jen ruĝiĝadis, jen paliĝadis. Fine per tremanta voĉo li diris:

— Sin-jo-ro, mi devas veturi... mi havas ankoraŭ multe da laboro... mi dankas vin... restu sana...

Kiel p. Harlampo atingis sian veturigilon, li neniam poste sciis. Unuvorte li alkuris, ensaltis en ĝin kaj ekbatis mirigitajn ĉevalojn.

— Kia terura konfuzo, kia konfuzo...—rapidante hejmen, ripetadis li.

En hejmo lin renkontis edzino.

— Vi ree malsobriĝis, barbego,—ekkriis ŝi, rimarkinte incititan vizaĝon de p. Harlampo,— malfeliĉa mia sorto! Ĉu alportis vi monon?!!

— Iru al mil kvar cent sepdek ses diabloj!!!

— Tute neordinare arogante diris li, kaŝante sin en sian ĉambron kaj ŝlosante ĝin.

En tiu ĉi tago kaj kelkaj sekvantaj, p. Harlampo ne povis nek dormi nek manĝi... Li kuradis en ĉambro, ruĝ.ĝadis, paliĝadis kaj ripetadis: „kia konfuzo, kia terura konfuzo..."

---

Sed tempo estas plej bona kuracisto en tia speco de malsano. Tial kun fluo de ĝi, p. Harlampo iom post iom komencis trankviliĝi. Kiam do bienhavanto sendis monon por preĝejo, li tute trankviliĝis. Vere, li neniam povis forgesi sian konfuzon kaj preskaŭ ĉiam rakontadis ĝin al siaj kolegoj.

— Malpiulo, arogantulo, malnobla homo!— rimarkadis ili.

— Jes, pastroj,—respondadis p. Harlampo,— nu bone se li volis min puni, li ordonu al lakeo, ke li batu min en vizaĝon sed ne skandaligu, ne konfuzu la ortodoksan homon...

Tamen ne ĉiuj kolegoj de pastro Harlampo estis konsentaj kun tia stranga gusto. Kelkaj el ili estis—pro, aliaj—kontraŭ...

Originale verkis por „R. E."

*Witold Winnicki.*

10 Sept. 1905 j.
Peterburgo.

---

# La „Herveismo".

**Ni kredas interesi niajn legantojn donante al ili ĉi-sube la tradukon de la mema parolado de S-ro Gustave Herve, antaŭ la tribunalo, kiu lin juĝis pro liaj penoj propagandi en la popolo siajn ideojn pri la patriotismo kaj militismo** *).

* * *

Post la deklaroj de Urbain Gohier (alia kunkulpigato) ni ĉiuj estis kontentaj retrovi la bonan Gohier de „l'Afero Dreyfus" kaj vidi ke li ne falis en tiun brutan antisemitismon kiu nun sangoplenigas Ruslandon. Post li, niaj advokatoj konsilis silenti. Kaj tamen, ni deziras plilongigi tiun disputon, riskante vin enuigi, ĉar Gohier, pro sia origeno, pro sia edukado, estas pli proksime de vi; ĉe li restas ankoraŭ kelkaj greneroj da patriotismo.

Ni timis, ŝirmante nin post li, lasi al vi, pri niaj doktrinoj, impreson neplenan kaj neĝustan.

Plie, ni havis nuran okazon prezenti niajn ideojn ĉe la taga plenlumo, antaŭ elektita gazetistaro.

Mi ne okupos mem pri sia persono: mi lasas ĝian defendon al mia advokato Mi nur volas almontri al vi tion, kion oni malĝuste nomis „herveismo", kiel, se miaj amikoj bezonus min por elmontri siajn ideojn. Mi estas nur ĝies doktrinisto kaj, nevolonte, vivanta simbolo.

* * *

Certe la ideoj novaj vundas ĉiam, eĉ la spiritojn liberajn kiel vi. Provizora advokato diris al mi hieraŭ, ke ĉiuj ni meritis la gilotinon. Li volis diri la brulejon, ĉar la patriotismo estas religio.

Oni ĝin inokulis al ni, efektive, kiel religion. Oni instruas infanon pri religio, lulante lin, en aĝo ĉe kiu oni ne havas kritikan spiriton. Ĝia patrino igas lin balbuti preĝojn, karesante lin sur siaj genuoj. Je la sepa aŭ oka jaro, la pastro metas en lian cerbon ĉiujn legendojn kiuj estis akceptataj antaŭ 2000 jaroj. Poste, la religiaj ceremonioj, la orgena muziko, la intenco venas influi sur liaj nervoj. Tiam li povas fariĝi granda sciencuio, ; kiel Pasteur.

Tiel ja oni inokulas al ni la patriotisman religion.

Dum nia junaĝo, oni instruis nin pri la krimoj de la junaj Germanoj, dum la junajn Germanojn oni instruis pri la niaj. Oni rakontis al ni ke Franclando estis la rifuĝejo de ĉia libereco. Oni donis al ni, kiel ludilojn, plumbajn soldatojn, tamburojn kaj, kiam nia familio nin formigis, ni iris lernejon, kie oni en niajn manojn metis naciajn historiojn fabrikitajn de la Lorignet'oj (fama jezuita falsisto) de l'patriotismo. En tiuj historioj oni precipe parolas al ni pri militaj faroj, kiujn oni elaltigas

---

*) Tiu ĉi traduko estis sendita al ni el Francujo kaj ni pro multaj kaŭzoj ne ŝanĝis kaj ne korektis ĝin La Red.

Oni tre profesas la idoladoradon de l'G l a v o; oni kreskigas la nacian vantecon. Poste, la multekzempleraj gazetoj, kun siaj ilustritaj aldonoj, ĉiam parolas al ni pri batalrakontoj kaj soldatoj.

Vidante regimenton pasantan kun ĝia teatra ŝajno, la kolorojn akrajn, la plumojn, la muzikojn, la trumpetojn: ĉio efikas ankaŭ sur niaj nervoj. Poste ni ĉeestas militajn procesiojn, paradojn kie ruladas dum horojn la buĉiloj. Kaj tiam ni salutas la pecon de teksaĵo kiu simbolas la Patrolandon, kiel niaj avoj la Sanktan-Sakramenton.

Mi eble vundas viajn sentojn, regnanoj jurjuĝistoj, sed la ideojn novajn ĉiam akompanas ŝiroj. Kaj viaj konvinkoj, kiel ajn sinceraj ili ne estus, nur povas postuli de ni la saman sincerecon. Ĉu vi kredas, ekzemple, ke Voltero neniun vundis? Ĉe la nuna horo, vi pri nur unu afero devas vin demandi: ĉu ni estas homoj sinceraj?

* * *

Kio do estas la patrolando? Por ĝin konstati ni devas fortiri la faldojn de tiu Standardo, sur kiu estas broditaj nomoj de famaj buĉejoj kaj ni vidas kion? ĉiu patrolando estas komponita el du grupoj da homoj, unu multenombra, unu malmulta.

Tiu sidas ĉirkaŭ granda tablo, manĝante bone, trinkante bone. Ĝi enhavas homojn kiuj havas superecan laboron kaj estas grase salajrataj. Ili estas financistoj, grandaj akciistoj, rentuloj, poseduloj, ministroj, kasistoj,... sinjoroj de l'Tribunalo, membroj de la Advokata konsilantaro, notarioj, prokuratoroj kaj kelkaj negociistoj.

Nu! ni do, ni ne sidas ĉe tiu tablo.

Alia grupo sidas ĉirkaŭ malgranda tableto. Tiu ĉi, kiu estas la grandega plejnombro kaj havas brutan laboron konsistas el butiketistoj kiuj restas eĉ dimanĉe je la vendejo, mastretoj premigataj per la fabrikoj, malriĉaj kampaj poseduloj. Kaj mi nur por memorigo parolas pri tiuj, kiuj nenion havas: laboristoj, taglaborantoj, oficetistoj, k. a.

Tia estas tiu kunmetado de personoj, kiun oni nomas patrolando, regnanoj, jurjuĝistoj.

* * *

Ja du klasoj en realeco ekzistas: unu, kiun oni vidas sur la benko de l'kulpigatoj, kaj alia, tiu de la burĝoj kiuj nin juĝas. Sinjoro la ĝenerala advokato diris, ke li estas reprezentanto de la tuta socio; ne, vi estas l'advokato d e v i a k l a s o; ke tiuj el via klaso amas sian patrolandon, estas nature, estas juste. Via patrolando estas por vi bona patrino; ĝi vin dorlotas. Vi estas monstre sendankaj se vi ne same ĝin repagus.

Ni do komprenas la fontojn mistikajn kaj interesajn de via klasa patriotismo. Permesu ke ni ne konsentu kun ĝi. Ne nur via patriotismo ne estas sankta sento, ĝi estas kaptilo por malsprituloj per kiu vi volas daŭrigi nian ekonomian servuton.

* * *

Kaj la milito? Via justa milito? Unue kio estas justa milito? Ĉu estas tiel facile scii kiu estas neprava kiam esplodas milito? Ne ĉiam la komencanto ne estas neprava! Vidu la Boer'ojn, vidu la Japanojn! Nu! tio, kion ni scias estas ke, kiam esplodas milito, kapitalistoj batalas por la sama osto!

Tial ni ne marŝos!

Ne nur ni havas nenian nacian aŭ patriotan senton, sed plie ni estas ja deciditaj konformi nian konduton al niaj opinioj. Ni ne d o n o s nian vivon por defendi v i a n patrolandon.

Se alvenus ordono de mobilizado, ni, kaj niaj amikoj respondus al ĝi per tuja ribelo!.

* * *

Nur unu milito povas esti profita, ĝi estas la regnana.

Vi ne amas la tian militon regnanoj jurintoj? Nu, ĝi estas la sola formo de milito kiu ne estas sensprita, ĉar, en batalo inter klasoj, vi pagas la rompitajn vazojn kaj ne ni. Sed, la Franca Revolucio, ĝi estas regnana milito! Kaj regnana milito elradikigas hodiaŭ la aŭtokratecon el Ruslando!

Iafoje internacia milito interesas nin: kiam ĝi estas interklasa milito. Tiel ni estas kore kun la Valmy'aj soldatoj, ĉar ili batalis kontraŭ la kunligata Eŭropo, reprezentanto de l'aŭtokrateca dogmo.

Tiu interklasa milito, kiel ni ĝin volas fari? Vin buĉi? Ne ja, vi ne estas individue respondaj de la nuna sociaĵo. Ni nur volas socian reorganizadon, ekonomian revolucion Unuvorte ni volas meti manon sur la iloj de produktado, kiel la domoj, kiujn ni faros komunan proprecon.

Ni volas organizi pli bonan sociajon, por viaj filoj kaj filinoj.

* * *

Jen niaj ideoj, regnanoj jurintoj Mi, vin petas, ne ilin aprobi, sed nur ilin pripensi, pezi, kompreni ke tiu doktrinaro estas fortika kaj sekvata de homoj kiuj ĝin scios defendi.

Ĉiuj tie ĉi estas militantoj ĉefgravaj. Pri mi, mi laboris en kelkaj lokoj de l'Yonne, en Nanaj, en Dijon, en la Nordo: Ne personan opinion ni apogas; ĝi estas tiu de miloj da homoj. Ni volis montri al vi tiun abismon, kien vin kondukas viaj gazetoj, viaj estraroj, via klaso.

Vi ne rajtas kondamni nin, ĉar tio estas ja opinia delikto *). Via intereso, cetere, estas nin absolvi; tio estas la intereso de via kasto, ne trouzi vian forton dum la kelkaj jaroj de estrado kiu restas al vi.

Ni volus povi diri, kiam via kasto respondos kalkulojn al la nia, ke estis en tiu burĝa kasto bona prezidanto *Maynand*, bona juĝisto *Séré de Rivière*, tribunalestro kiu aŭskultis nin, ĝenerala prokuratoro kiu ne relevis kontraŭ ni la kotaĵojn de la gazetoj nacionalistaj, kaj eble jurintoj, kiuj nin absolvis.

Vi sendube aprobas la internacian arbitracion. Ni, ni trovis rimedon certigi la Pacon, ne eĉ irante al la paciga juĝisto de La Haye, kaj ĉiu okaze donante al ĉiuj, al la Kajzero kiel al aliuj, la permeson tien iri, por eviti ion pli!

Fine, ni volas antaŭgardi viajn filojn kiel la niajn kontraŭ la buĉejo, ĉar ne estas eble ke iam la patrinoj, kiam viaj filoj estos mortigitaj sur tiuj batalkampoj, povos diri: Estis junuloj, kiuj proponis al vi rimedon por eviti tiun funebron, kaj vi ilin jetis en malliberejon!

* * *

**Post tiu elokventa parolado... la kulpigatoj etis kondamnataj je multaj jaroj en karceron. Ili ne restos tie tro longatempe! Aŭdante la kondamnon, unu diris laŭtevoĉe:**

Dankon, Sinjoroj; vi fosis mem la profundegaĵon en kiun vi baldaŭ falos.

*) La leĝo franca diras: neniu estos serĉata pro siaj opinioj, politikaj aŭ religiaj. Oni vidas kion la burĝaro faras el tiu principo, kiam ĝi havas timon.

# Pri la alvoko de S-o V. Devjatnin.

La ideo de S-ro V. Devjatnin pri fondo de granda „jurnalo internacia" kun plej diversaj fakoj estas ja alloga. Aliu homo ĝin havis, sed kontraŭe je S-ro Devjatnin kiu, laŭ sia propra diro, ne havas programon, S-ro R. Frenkel (Siberujo) havis planon, kaj li estis kalkulinta ke, por efektivigi tiun planon, t. e. eldoni gazeton ja kapablan samtempe doni ampleksan materialon al ĉiuj kategorioj de legantoj, kaj atentigi „kontraŭvole" la tutmondajn inteligentaron kaj gazetistaron, estis necesaj 2.400.000 frankoj, nome: 100.000 abonintoj pagantaj ĉiu po 24 fr. ĉiujare!! Precize je la sama epoko, kiam S-ro Frenkel dissendis provalvokon al la esp. gazetaro kaj al kelkaj personoj, mi jus komencis, post longaj pripensoj, eldonon de tutmonda revuo, kiu nun vivetas sub la nomo „Tra la mondo", kaj kiu, laŭ la opinio de ĉiuj, kiuj ĝin konas, estas vere la tipo (modelo) de la dezirita ĝenerala esperanta revuo ilustrata.

Tuj kiam S-ro Frenkel konis „Tra la mondo", li opiniis same, kaj sendube ankaŭ ke ĝi estas pli prudenta komenci malgrande, kun la espero pligrandiĝi, ĉar li tuj abonis.

„Pli granda iĝos malgranda fiŝo
Se al li vivon donacas Dio".

Nu, la Esperantistoj donu vivon al la revuo, kies plano, plena kaj elasta, ebligos pliampleksigon aŭ plioftigon, laŭ kreskado de la abonantaro.

Ĉar la sola kaj vera internacia Societo por eldono de revuo estas fidela kaj multenombra abonantaro. Ĉiu donas malmulte kaj ĉiu havas samajn rajtojn.

Estos videble ke, kontraŭe, redaktoro de iu revuo eldonata per tutmonda monkolekto, laŭ alia modo ol abonado, estus tirata de la plej pagintoj, same kiel la politikaj naciaj gazetoj, kiuj estas devigataj subteni nur iun partion aŭ iujn personojn (tiujn kiuj pagas la eldonan elspezon); kaj li havus nenian liberecon por direkti la jurnalon.

Nur tiuj kiuj konas la malfacilecon de l'vera direktado de revuo — mi volas paroli pri l'elpenso kaj la elekto de l'ŝtofo laŭ plano antaŭpripensita kaj ne nur akceptado de ĉiuj ajn manuskriptoj — nur tiuj ĉi, mi diras, povas kompreni la neeblecon de revuo direktata de

internacia komitato, kiu estus la deviga konsekvenco de internacia eldona Societo. Ĉiumomente oni havus konfliktojn pri la enhavo, kiu estus konsiderata, de tiuj aŭ aliaj nacianoj tro favora, aŭ ne sufiĉe, por tiu aŭ alia nacio; monsubtenante, ili volus ordoni.

Jusa okazintaĵo pri artikoleto aperinta en „Tra la mondo“ tute pravigas miajn dirojn, rezultantajn de faritaj eksperimentoj kaj de la sperto akirita per ili.

La redaktoro devas esti tute sendependa kaj libera. Se li havas tion, kio estas necesa por plenumi la malfacilan taskon direkti redaktadon de revuo, li iom post iom sukcesos; se ne, ne.

Mi diras iom post iom ĉar, malfeliĉe, la Esperantistoj ne estas tiaj, kiaj ŝajnas kredi S-ron Devjatnin; kaj, antaŭ ol interesi al revuo la ne esperantistojn, la skeptikulojn, oni devas sukcesi interesi la Esperantistojn! Jen estas la celo. (Post deklara ekzistado, je l'momento de l'Bulonja kongreso, „Lingvo Internacia“ havis nur ĉirkaŭ 1200 abonintojn!)

Eble ĉar, iafoje, revuoj ne plenumis sian planon kaj, pro tiu aŭ alia kaŭzo, mortis, la Esperantistoj, ĝenerale, ne interesiĝas al revuoj eldonitaj en la lingvo kiun ili pretendas ŝati kaj triumfigi, kaj S-ro Devjatnin mem, la honorinda aŭtoro de la alvoko priparolita ne havis la kuriozecon koni revuon kies plano (videbla sur la kovrilo de tiu ĉi interesa „Ruslanda Esperantisto“) devus tamen ŝajni atentinda por homo revanta pri internacia revuo!

Kiom da samideanoj estas tiaj: ni dissendis multajn specimenojn; ni proponis senpagajn numerojn al grupoj por ilia propogando, al profesoroj por iliaj lernantoj; la plimulto ne respondis.

Ne respondis ankaŭ la grupoj kaj la propagandistoj al kiuj ni proponis senpagajn ekzemplerojn por agadi apud kontraŭan aŭ skeptikan gazetaron.

Tamen la peno estas malgranda; tamen kiam, malofte, oni uzis „Tra la mondo“ en tiu celo, oni ricevis ŝatindan rezultaton: gravaj gazetoj, konataj en la tuta mondo, nome „L'Illustration“, “Le Gaulois“, „Le Figaro“ en Francujo; „Frankfurter Zeitung“ en Germanujo; “Daily News“, „Review of Reviews“ en Anglujo, k. t. p., parolis favore por „Tra la mondo“, dirante ke ĝi estas pruvo de la kreskado de Esperanto. Malgraŭ tio la plimulto el ni ne agas, kaj ne scias aŭ ne volas utiligi la armilojn jam forĝitajn por ili. Ĉu oni kredas ke ili alie agus se la revuo havus duoblan aŭ trioblan dikecon aŭ oftecon. Ho ve! mi timas ke ne: kaj la morto de tia ampleksa revuo estus tiom pli bedaŭrinda kaj pereiga por nia afero, ke oni estus plue alvoki la atenton, de l'kontraŭuloj kaj skeptikuloj pri ĝi.

Ŝajnas pli prudenta lasi vivi kaj helpi progresan, vastigon de la jam naskitaj revuoj; ŝajnas almenaŭ tute necesege ke tiuj, kiuj interesiĝas je la propono de S-ro Devjatnin, ekkonu la jam ekzistantajn revuojn. Por ebligi al ili la aferon, koncernante „Tra la mondo“, la administracio de tiu gazeto sendos senpage kaj tuj specimenon al ĉiuj legantoj de „Ruslanda Esperantisto“, kiuj ĝin petos poŝtkarte.

Ĝi estos, ni opinias, la plej bona maniero respondi al la alvoko de S-ro Devjatnin.

*A. Montrosier.*

Ĉefredaktoro de „Tra la mondo“.

---

5-an de Februaro 1906.

## Esperantista Centra Oficejo Paris.

Sinjoro Ĉefredaktoro,

Ĉar kelkaj gazetoj jus publikigis artikolojn, kiuj enhavas erarajn opiniojn pri la rolo de la „Esperantista Centra Oficejo“, la fondintoj de tiu Oficejo donis al mi la ordonon peti de vi, ke vi bonvolu komuniki al via legantaro la jenajn klarigojn. Tiuj klarigoj memorigas kaj precizigas la punktojn de la Cirkuleroj Unua kaj Tria, kiuj rilatas al tiu Oficejo, kaj ili malaperigos, ni esperas ĉiujn malkompreniĝojn.

I.

La Kongreso de „Boulogne-sur-Mer“ estis nominta du provizorajn komitatojn, la Organizan kaj la Lingvan; sed ĝi ne estis montrinta kie estus la sidejo de tiuj komitatoj, kaj kiamaniere ili povus ricevi la monajn rimedojn, kiuj estas necesaj por ilia funkciado. Ĉar D-ro Zamenhof mem insiste deziris, ke la sidejo de komitatoj estu en Parizo, kaj, ĉar estis necese, kiel diris l'Espérantiste (1905 n-ro 11-a) „ke la provizora komitato organizu sin mem kaj elektu lokon kie oni povos sendi al ĝi leterojn, kaj sekretarion kiu malfermos tiun

leteraron kaj plenumos la donotajn sekvojn"; kelkaj amikoj de Esperanto, kiuj, pro tre facile kompreneblaj motivoj, ne deziras esti konataj, interkonsente proponis, ke ili mem pagus la elspezojn necesajn por la organizo kaj funkciado de ambaŭ komitatoj. Post akcepto de iliaj proponoj, de D-ro Zamenhof, ili luis loĝejon sidantan 51, rue de Clichy, Paris, en domo, kie sidas la Franca Societo de Fotografarto, kaj kiu enhavas oportunajn ĉambrojn por kunvenoj; kaj ili proponis al mi, kiu akceptis, la oficon de Sekretario-Agento, delegata por labori en tiu loĝejo.

Sekve, la „Centra Oficejo" estas nur Ejo kun Oficisto, fondita kun la celo: „efektivigi unuecon kaj ordon en la laboroj kaj agoj de ambaŭ komitatoj, sub konstantaj direktado, kontrolado kaj inspirado de D-ro Zamenhof" laŭ la esprimo de la Cirkulero Unua.

II.

Ĉar la kongreso de „Boulogne" esprimis la deziron ke, en la estonto, la societoj esperantistaj pli ofte interrilatiĝu unuj kun la aliaj, la membroj de la Organiza Komitato, post interkonsento kun la fondintoj de la „Centra oficejo" decidis ankaŭ uzi ĝin, por plenumi tiun deziron kaj oferi al la Esperantistaro, centron de rilatoj kaj informoj. Ili pensis, ke la helpo donata de la „Centra Oficejo" al ambaŭ komitatoj, povus esti ankaŭ donata al ĉiuj esperantistoj, kaj ke fondita por esti uzata de la komitatoj, la „Centra Oficejo" povus esti samtempe utile uzata de ĉiuj samideanoj. La detalan programon de tiu projekto, montris la Cirkulero Tria. Konforme al tiu programo, la „Centra Oficejo" deziras doni informojn kaj fari servojn kaj nenion plu. Ĝi volas, ne direkti kaj regi, sed nur informi kaj servi. Ĝi tute ne pensas fondi ligon aŭ centran organizon; ĝi nur volas esti ligilo, inter la societoj kaj inter la izolitaj esperantistoj, nur rilatilo, nur perilo, nur informejo.

Por ke oni ne erare opiniu, ke la „Centra Oficejo" havas superregantan intencon, la fondintoj de tiu Oficejo, ne volis sin turni senpere al la Esperantistaro, por ĝin informi pri ĝia fondo kaj pri ĝia programo; ili petis de la Organiza Komitato, ke ĝi parolu pri tio, je la nomo de la Oficejo, en siaj oficialaj cirkuleroj.

III.

Ĉar la funkciado de la „Centra Oficejo" necesigas monon, kaj ĉar la fondintoj timas, ke ili ne povos ĉiam preni sur sin la tutajn elspezojn, ili pensis, por certe daŭrigi la ekziston de la fondaĵo, starigi, kun la helpo de esperantistoj, specialan societon de Amikoj de Esperanto, kiu finance subtenos la Oficejon, se oni opinios ke ĝi estas utila. Se, kiel ili esperas, la alvoko pri tio, de la Cirkulero Tria, donas sufiĉan nombron da unuaj aprobantoj, la fondintoj de la Oficejo sendos, konsente kun tiuj personoj, cirkuleron por kolekti la aliĝojn al tiu societo, kiu estos poste fondata, nur se tiuj aliĝoj estas sufiĉe multaj.

Volu ricevi, Sinjoro Ĉefredaktoro, mian koran saluton.

La Sekretario-Agento de la „Esperantista Centra Oficejo" Gabriel Chavet.

## Malfermita letero al ĉiuj S-roj Redaktoroj de Esper. Gazetaro.

La reĝanta nun reakcio en Rusujo kaj Polujo estas tiom kruela kaj senkompatema, ke ni, gardante nian karan ideon kaj zorgante pri ĝia sukceso, ne trovas nun povebla submeti je risko nian esperantistan aferon kaj daŭrigi la presadon de social-politika fako en „R. E." Kiel argumento de supredirito ni sciigas pri la sekvanta fakto: la № 8 de „Tra la Mondo" estis ricevita en Ruslando sen la unua paĝo (113—114), kie estis enpresitaj tri fotografaĵoj el revolucia vivo en Rusujo kun la klariga teksto de D-ro Morgan. Tial ni humile petas niajn kolegojn prokrasti la presadon de skizoj el politika rusa movado ĝis pli favora tempo... Tiun ĉi leteron ni petas represi en redaktataj de Vi jurnaloj.

La Redakcio de

„Ruslanda Esperantisto".

## Esperantista Organiza Komitato.

CIRKULERO 4-a.

*1. Pri la Protokolo de la Unua Kongreso.*

Per la helpo de la Esperantista centra Oficejo, la Organiza Komitato publikigis broŝureton, kiu enhavas la oficialan protokolaron de la kunsidoj de la Unua Kongreso de Esperanto de „Boulogne-sur-Mer", kaj la nomaron de la membroj de ambaŭ oficialaj provizoraj komitatoj. Tiun broŝureton ni sendas kun tiu cirkulero, al ĉiuj membroj de ambaŭ komitatoj, al la gazetoj kaj al la societoj esperantistaj.

### *II. Pri la organizo de la Dua Kongreso*

La Organiza Komitato sciigas, ke, laŭ la komisio donita de la kongreso de „Boulogne-sur-Mer", kaj post enketo al diverslandaj grupoj esperantistaj, ĝi decidis unuvoĉe, akcepti la inviton de la Svisa Esperantista Societo, por kunvenigi la venontan kongreson en Svisujo.

Konsente kun tiu societo, kaj kun la Grupo Esperantista en Genevo ĝi komisiis al tiu lasta grupo la taskon fondi lokan komitaton, por helpi la organizadon de la kongreso, en tiu lasta urbo.

Tiu loka komitato devos sin okupi, post interkonsento kun la Organiza Komitato, pri la starigo de la parto de la programo, kiu koncernas la festojn, ekskursojn kaj akceptojn, kiuj estos enmetotaj en la kongresaj tagoj, rezervante sufiĉan nombron de kunsidoj por la laboroj de la kongreso.

La Organiza Komitato, konsente kun la Lingva Komitato, prilaboros la programon de tiuj kunsidoj. Ili esploras nun la demandojn kiuj estos prezentotaj al la diskutoj de la kongreso.

La Organiza Komitato sciigos, je la konvena momento, al la esperantistaro, per poŝtaj cirkuleroj, tiujn demandojn kaj ĉiujn detalojn pri la tuta organizo de la Kongreso de Genevo: nun ĝi nur povas sciigi, ke la epoko elektita por tiu Kongreso estos la monato Septembro, kaj ke la programo enhavos ekskursojn en Vevey kaj en aliaj svisaj urboj

---

„La fondinto de la rondeto Esperantista en la vilaĝo Berezovskoje (de la Aĉinska distrikto, de la Eniseja gubernio) **Ignatij Ivanoviĉ Majdannik** mortis 20 oktobron de 1905 j. je 11 horoj de tago. La mortinto estis vilaĝano, tre malriĉa, 33 aĝa, lasis 4 infanojn, laboradis kiel gardisto de la lernejo en sia vilaĝo, ricevante solajron jare nur 40 rublojn. El tiu ĉi malgranda kapitalo li multe oferis por Esperanto (abonpagoj, korespondado k. t. p). La lingvon Esperanto li ellernis dum unu monato kaj havis grandan korepondadon kun Esperantistoj. Li per sia plezuriganta propagando de Esperanto varbadis ĉiujn, kiuj ĉirkaŭadis lin, malgraŭ la malesto de la tempo libera kaj malfacila epoko de la Regna reformigado. La mortinto mirigadis ĉiujn per sia forta saĝo kaj logikeco de la penso. Eternan rememoron pri li!"...

Tiun ĉi sciigon ni ricevis de S-ro P. Demakov, lia estinta lernanto kaj estro-instrutsio de popola lernejo, kie la mortinto servis kiel ĝia gardisto.

# Alvoko al ĉiulandaj kontraŭmilitaristoj.

Kelkaj esperantistoj decidis fondi kolekton da internaciistaj kaj kontraŭmilitaristaj verketoj. Tiun kolekton oni nomos:

„Kolekto Paco-Libereco".

Ili do alvokas ĉiujn siajn samideanojn por ilin helpi per mendoj por la unua tuj aperonta broŝureto:

Nova Gvidlibreto por Soldato
en ĉiuj landoj

kies Francaj eldonoj jam superis 200000 ekzemplojn.

Prezo: Unu ekzemplero 0 Fr. 10 c. sendelspezo plie.
Cent „ 7 Fr. „ „

Tiuj poste aperos:

2. Al la virinoj laŭ Urbain Gohier kaj tre interesa letero de Ĥino pri la milito en Ĥinlando.
3. Patrujo, Milito Soldatejo el Charles Albert.
4. Kontraŭpatriotismo el Gustave Herv'e.
5. Militarismo el Gomela Nieuwenhuis.

Ĉiujn amikojn, kiuj bonvolos helpi ĉu labore, ĉu mone, oni plej kore akceptos. Ili estas petataj skribi al S-ro R. Louis, sekretario de „Paco-Libereco", 45 Rue de Saintonge. Paris. 3-eme arrond-t.

Ni tre insiste petas ĉiujn gazetojn por ke ili bonvolu enpresi tiun ĉi alvokon. Kore ni ilin dankos.

---



Доз. ценз. СПБ. 14 Марта 1906.

Типо-Литографія Д. П. Вейсбрута Троицкій пр., 14.